XXVII-a jaro. — N° 368 (4). Monata Aprilo 1931.


# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.**

Adreso de la Redakcio kaj Administracio : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.




## Nur dek monatoj

Nur dek monatoj restas ĝis kiam okazos la tutmonda konferenco pri senarmigo.

Tiam la registaroj devos publike « montri sian ludon » kaj diri ĉu kaj kiom ili konsentas redukti siajn batalilojn. Ne plu taŭgos tiam la konata argumento : « ni ne povas senarmiĝi unuope ».

Estos la momento montri do kiom oni pretas fari kune kaj samtempe.

Finiĝis ja la sinsekvaj kunsidadoj de « prepara komisiono » ĉe la Ligo de Nacioj. Fine alvenis la tempo decidi, ĉu oni plenumos aŭ ne la promeson subskribitan en la kontrakto mem. Multo kritikinda kuŝas en la preparita projekto de konvencio. Sed fine ĉio dependos de la ciferoj en ĝi skribotaj.

Eĉ malbona konvencio povas alporti favoran sekvon, se ĝin vivigas komuna volo de plenumo. Eĉ la plej bela teksto en la tuta mondo restos nur mortinta literaro, se tiu volo mankos. Estas ja bone, ke tion oni povas mezuri per simplaj ciferoj, pli elokventaj en si mem ol ĉiuj malfermaj paroladoj.

Antaŭ iom da tempo la brita ministro por eksterlandaj aferoj sin turnis rekte al popoloj mem pri tiu afero. Tia procedo mirigis ĉiujn malnovajn kutimulojn je tradiciaj diplomataj moroj. Ĝi estis io ne ordinara.

Invitita de la Internacia Virina Ligo por Paco kaj Libereco, li publike alvokis la ĉiulandajn popolamasojn, ke ili prenu mem la aferon en mano :

« Se vi volas senarmigon, vi povas havi ĝin, li diris. Se vi uzas vian volon, vi povas devigi rezultatojn. Unu jaron vi havas por envicigi la opinion de la popoloj en la mondo. Dum tiuj monatoj vi havas tian okazon, kia venis neniu antaŭe kaj eble venos neniu poste por montri al politikistoj kaj ŝtatistoj tie ĉi kaj eksterlande, ke la ĝenerala popolamaso volas senarmigon kaj pacon ».

Duan veraĵon parolis la vokanto rimarkante, ke viaj ŝiparoj, armeoj kaj aerbataliloj koncernas ne nur vian nacion, sed ankaŭ la ceterajn popolojn. Vi ja konas esperebie viajn intencojn, sed la najbaro ne konas ilin kaj rajtas malkvietiĝi, se vi amasigas kestojn da dinamito en via ĝardeno sub liaj fenestroj. Simile vi nature timas, se li faras same.

Lia senarmigo kaj komuna kontrolo pri ĝi estas dezirinda por vi kaj tion vi povas atingi, se vi akceptas la samon por vi mem. Almenaŭ pri tiu necesa kontrolo la projekto de konvencio entenas pozitivan proponon. Tio estas grava punkto por atingi la necesan fidon, sur kiu bazas ĉiu ajn sekureco. Egaleco kaj kontrolebleco, jen la vojo akceptebla de ĉiuj. Nur en plena lumo povas kreski la fido.

Ĉie en la mondo tiuj dek monatoj devas esti uzataj por faciligi fortan organizon kaj impresan elmontron de la popola volo.

Ĉiu devas iom serioze pensi pri tiuj aferoj.

Ekzistas ja pli taŭgaj rimedoj por solvi disputojn ol buĉi patrojn de familio kaj baldaŭ eĉ la familiojn mem pro teknika progreso.

Sed tiuj pli taŭgaj, pli justaj kaj pli pacaj rimedoj ne povas libere funkciadi kaj kreskadi apud amasoj da bomboj kaj pafiloj. Oni devas elekti unu vojon kaj forlasi la alian, ĉu rapide, ĉu per ŝtupoj, sed decide.

Ĉiuj el ni faros grandan krimon, se ni lasos tiujn dek monatojn flui for, sen penso kaj ago pri tio.

Ne plendu pri negativaj decidoj de tiuj aŭ aliaj, se vi lasas ilin fari. Montru foje ke vi ekzistas kaj pagas viajn impostojn. Vi do rajtas fine ion diri, kiam temas pri vivo aŭ morto.

Edmond PRIVAT.

# Okcidento kaj Oriento

## Paco en Hindujo

Nia mondo vidas malbelon, sed ankaŭ belon en nia epoko. Aŭ pli ĝuste dirite, ni ne ĉiam vidas ĝin, sed ĝi okazas. Tiel estas pri la paco aŭ armistico atingita inter angla Vic-Reĝo kaj Gandhi.

Pri ĝia politika signifo ni ne bezonas aludi ĉi tie. Ĝi ne fiksas la konstitucion de Hindujo, sekve malakordo povos okazi denove pri ties formo kaj enhavo. Tion diros la estonto. Sed ĝi haltigis la staton de milito inter popolo kaj fremda registaro, kaj ĝi partoprenigas la revoluciintojn mem al la diskuto kaj redakto de tiu nova konstitucio. Grandega progreso por alveni al ambaŭflanka solvo!

Kio nin interesas plej, tio ne estas la politika flanko, eĉ grava, sed la morala, kiu tuŝas tutan historion de la homaro. Kiu ne konis persone D-ron Zamenhof, tiu malfacile povas imagi kiom donacus koninto kaj amiko por vidi lian radiantan ĝojon kaj profundan emocion rigardante fakton tian, kia okazis en Hindujo.

Anstataŭ uzi la sangan ilon de milito kaj buĉado, granda popolo gajnis *sen armiloj* sian rajton al *traktado inter egaluloj*. En politikaj aferoj oni povas erari aŭ opinii diverse. Imagu... ne!... ne imagu, sed rigardu: kio okazas tiam, se la rimedo uzita estis milito.

Tiam la ruinoj kaj amasoj da kadavroj aldoniĝas al la eraro kaj neniam kompensas eĉ la venkon, se oni pravis. Pri la malvenko eĉ ne parolu!

Gandhi volis tion eviti kaj pruvi al nia malfeliĉa homaro, ke *sen tia buĉado*, estas eble batali por sia rajto, kondiĉe ke oni estu amase preta je ofero de sia vivo kaj posedaĵo tute same kiel en milito. Sola diferenco: ke oni ne devu fariĝi mem mortigisto. Tio estas io tute alia ol ne-rezistado. Ĝi estas organizita rezistado senarma.

Ofte nia Majstro diskutis tiajn temojn kun amikoj kaj li ĉiam esperis, ke la homaro alvenus al io simila anstataŭ militoj aŭ sangaj revolucioj. Gandhi kaj Hindoj pruvis, ke ĝi estas ebla praktike. Tie kuŝas la grandega signifo de tio, kio ĵus okazis en Hindujo, kiel ajn oni povas opinii politike.

Kiel simbolon de fremda devigo malŝatata, Gandhi elektis interalie la malpermeson al Hindoj apud la maro kolekti mem la salon de l' naturo sur la bordoj de l' Oceano. Miloj kaj miloj da viroj, virinoj kaj infanoj sekvis lian ekzemplon kaj komencis kolekti mar' akvon, ĝin boli kaj fabriki salon por siaj bovinoj anstataŭ ĝin aĉeti de la Imperia monopolo. Amase oni ĵetis ilin en malliberejon aŭ batis ilin. Ceteraj daŭrigis sentime. Tiam pli multaj, ĝis plenigo de malliberejoj.

Hodiaŭ ties pordoj malfermiĝis kaj miloj da homoj elflugis kvazaŭ ĝoja kolombaro hejmen. La Vic-Reĝo subskribis kun Gandhi paperon: ili rajtos de nun preni la salon libere ĉe la maro.

Ne ridu venĝe. Komprenu home la koleron, eĉ doloran ploron de maljunaj anglaj oficiroj, servintaj dum vivdaŭro la Imperion en Hindujo. La eduko faris al ili patriotan animon. Lojalan devon al *sia* patrujo ili plenumis fidele. Nun la Vic-Reĝo akceptas en sia palaco duon-nudan vireton, redaktoron de revolucia folieto, kaj sin enfermas kun li dum tagoj, vesperoj, eĉ noktoj tute sole en ĉambro por diskuti kiel egalulo!

Dio mia! ĉu vi povas imagi tian forgeson de ĉio? Kaj ĉar la vireto nenion manĝis dum tuta tago kaj estas vegetarano, la Vic-Reĝo eĉ enlasas virinon alportantan al li poton da kaprina lakto!

La tuta malnova kutimo de prestiĝo kaj aŭtoritato timiga ruiniĝas! La Hindoj jam levas sian flagon sur tiu placo, kie flirtis dum generacioj nur la brita, por kiu la oficiroj oferadis sian vivon. Komprenu do home, se iuj maljunaj ploras. Supozu vin mem je ilia loko.

Nun la Vic-Reĝo subskribas nekredeblan paperon kun Gandhi. Li forigas la malpermeson pri salo. Li malfermas la malliberejojn. Finiĝis historia ĉapitro.

*
**

Sed malfermiĝis alia. Tiu vic-reĝo ne estas ordinara homo. Ankaŭ ne Gandhi. Al tiu, kiu lin malliberigis, la vireto, skribas « kara Amiko ». Nura hipokriteco, jen ĉio! ekkrias oficiro. Ne, eĉ male: nura sincero. Lord Irwin ne kontentiĝis je ĉaso de tigroj sur elefanto lukse ornamita je ruĝo kaj oro.

Li klopodis iom lerni pri tiu popolo tricentmilionopa, kiun oni komisiis lin regi. Kredeble li legis ĉiun libron kaj artikolon de Gandhi. Vidu kiel li perdis sian tempon anstataŭ danci kun la generaledzinoj!

En sia lasta parolado al la Hinda duonparlamento, li ja plendis ankoraŭ foje pri la revolucio, eĉ senarma, kaj proklamis sian devon regi firme. Sed en frazo pri Gandhi li konfesis admiron al tiu « morala forto, kiu igas lin trovi nenian oferon tro granda por tio, kion li kredas esti la bono de Hindujo, kiun li amas ». Adiaŭante la urbestraron de Kalkutta, li deklaris, ke « estas sankta devo regigi ordon, sed eĉ pli sankta devo konfesi la rajton de popolo al memrego ».

Feliĉe ke foriras tia nekuracebla kristano, ekkriis oficiro ĉe klubo tuj poste! Efektive Lord Irwin nun finis sian reĝadon kaj revojaĝas Anglujon kun edzino. Li estus povinta lasi al sia posteulo Lord Willingdon situacion absolute teruran. Anstataŭ tio li lasas al li pacon kaj eblecon de diskutado kun la plej vasta kaj forta partio de la lando, ĝis nun ribela. Ne ĉiuj lasas similan heredaĵon post malfacilaj jaroj!

Kompense li forportas ion, por li trezoran. Ne temas pri riĉa tapiŝo aŭ orumita dentego de elefanto. Ne. La memoron pri longaj vesperoj pasigitaj kun vireto duon-nuda kiel ĉiuj hindaj kamparanoj kaj kiel Jesu-Kristo siatempe. Apud li neniu povas eĉ mensogi, rakontis al ni vojaĝinto, kiu loĝis ĉe Gandhi semajnon. Bonhumora, gaja, amema, lia obstina sincero estas samtempe travidebla kaj travidanta. Li vin senarmigas kaj egaligas al li dum interparolo. Vi sentas vin libera diskuti, eĉ kontraŭdiri. Li kuraĝigas tion. Sed la plej eta trompemo, eĉ de ĝentileco, restas en via gorĝo antaŭ tiom verecama karaktero. « Mi sentis, ke mi povas absolute fidi lian vorton », deklaris Lord Irwin poste.

En Delhi, inter du vizitoj al la vi-reĝo, Gandhi paroladis unu fojon al popolamaso: « Vi promesis ne-perforton, li diris. Estus pli bone aĉeti ĉiujn ŝtofojn el Anglujo kaj morti mem pro malsato ol rompi promeson. Kiuj ne scias plenumi sian vorton, tiuj estas maturaj nur por sklaveco ».

Post la fama subskribo de la interkonsento kun la Vic-Reĝo, li amike babilis kun tiu angla ĵurnalisto, kiu telegrafis la plej malamajn kalumniojn kontraŭ li: « Por mi, li diris, la plena sendependeco de Hindujo signifas: *disciplina memrego el interne*. Ĝi tute ne ekskludas kunligon kun alia nacio, kaj eĉ multe malpli kun Anglujo. Sed tiu kunligo devas esti memvola kaj reciprok-utila... Nia popolo ne povas imagi, ke Britaj ŝtatistoj kapablas fari al ni *bonafide* proponon pri egaleco. Mi opinias alie. La Brita popolo estas praktika raso, kiu amas

liberecon por si mem. Estas nur unu paŝo pluen ami liberecon por ceteraj homoj. »

Se vi estus pasiginta dekon da tagoj en interparolo soleca kun homo, kiu tiel parolas kaj tiel agas, ĉu vi bedaŭrus jarojn da penado kaj suferadon en fremda lando? Belan memoraĵon forportas Lord Irwin kun si kaj eble skribos iam el taglibro. Gandhi estas ja obstina homo. Ni konis alian obstinulon: Zamenhof.

Estis tempo kiam ni revis kun li pri tiaj aferoj kaj tiaj sintenoj en la historio de l' homaro. Temis tiam pri revoj, utopioj. Nun ili fariĝis faktoj en Hindujo, granda lando, vekiĝanta al memrego. Historio ne marŝas regule kiel fervojo. Ĝi zig-zagas, haltas, saltas. Povas esti, ke novaj malfacilaĵoj denove okazos. Estas miraklo alie. Sed tiu venko de neperforto kaj homa kompreno restas fakto ne plu forigebla. Kaj ĝi reokazos kaj reokazos ie kaj tie, iam kaj tiam, ĝis la novaĵo fariĝos kutimo kaj la kutimo eniĝos en la moralan vivon de popoloj.

Se Gandhi estos granda en Historio, la nomo de Lord Irwin ankaŭ meritas honoron, ĉar li sciis vidi la okazon kaj koni la veron. Ankaŭ li estas homo. Oni lin kulpigos, ke li faciligis la ruiniĝon de granda Imperio. Se amikeco inter Anglujo kaj Hindujo estas ankoraŭ saveblaj, estus li kaj Gandhi kiuj savis ĝin. Nia centjaro vidis la falon de pluraj imperioj bazitaj sur forto. Ĝi vidas nun eble la fondiĝon de pli belaj asocioj bazitaj sur egaleca kaj memvola kunlaboro. Se la brita komunumo fariĝos tia, Lord Irwin en Hindujo kaj generalo Smuts en Sudafriko ne estos perdintaj sian tempon kun Gandhi kaj la mondo komprenos la grandecon de civilizo, kiu sciis adaptiĝi anstataŭ morti.

Eĉ Gandhi ne estus tiel brile sukcesinta per sia metodo se la angla edukado ne enhavus noblajn homajn ecojn de sporta honesteco kaj lojaleco eĉ al malamiko. Lia plej bela venko estis ĝuste ilin devigi al elmontriĝo anstataŭ humiligo.

Edm. P.

## Esperanto RADIO Programo

de la Internacia Radio-Servo.
Adr.: J. Jungfer, Lindenstr. 10. Lübben (Spreewald), Germ.

**Mallongigoj.**

*D* (Dimanĉo), *L* (Lundo), *M* (Mardo), *Mk* (Merkredo), *J* (Ĵaŭdo), *V* (Vendredo), *S* (Sabato), *n* (neregule).

Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalajoj donas informojn la naciaj Radio gazetoj kaj Heroldo de Esperanto.

**Radio-paroladoj en Esperanto.**

Augsburg: n. Breslau: S. Dresden: ĉiun 2 V. Frankfurt: ĉiun 2 Mk. Freiburg: ĉiun 2. Mk. Gleiwitz: S. Graz: M. Innsbruck: M. Kaiserslautern: n. Kassel: ĉiun 2. Mk. Kaunas: J. Klagenfurt: M. Leipzig: ĉiun 2. V. Leningrad: 2. 9. 12. 22. 29. ĉiumonate. Linz: M. Lyon-la-Doua: S. Minsk: n. Mühlacker: ĉiun 2. Mk. München; n. Moskva: S. Nürnberg: n. Odessa: n. Stockholm: ĉiumonate la 1. D. Tallin: L. Wien: M.

**Resumo en Esperanto pri la semajna programo.**

Bern: V. Danzig: S. Heilsberg: S.

**Esperanto-kursoj.**

Bratislava: Mk. kaj S. Huizen: S. Le Havre: ĉiun 2. M. Lille P.T.T. Nord: D. Lyon-la-Doua: J. Moskva: n. Paris: J.

# Socia Vivo

## Ferrero kaj Valéry pri milito

La fama itala historiisto Ferrero antaŭ nelonge diris publike sian miron pri la endormiĝo de la homara konscienco rilate al teruraĵoj de milito. Li trovis la lastan mondbuĉadon ankoraŭ multe pli kruela ol ĝin priskribis eĉ Barbusse aŭ Remarque.

Estas ja vere strange, ke oni riproĉas nun iajn verkojn pri tio, ke ili malbeligas la militon en la okuloj de la junularo kaj forigas ĉian gloron de ĝi.

Ĉu oni devas do kaŝi la veron kaj nur amuzi la infanojn per oficiraj uniformoj kaj pompa muziko? Ni ja konas la rezultatojn de tia edukado.

Profesoro Ferrero citis en universitata prelego leteron de juna oficiro. Li rakontis kiel li devis bruligi per nova flamĵetilo centon da viroj rifuĝintaj en groto kaj kiel li poste... daŭrigis interrompitan tagmanĝon.

Tiu deknaŭjara knabo defendis sian patrujon. Oni edukis lin ne lasi konsciencon lin turmenti en tia okazo. Tamen la rememoro pri ĝi turmentas lin ankoraŭ. Ne povas esti normala tia sistemo, tia edukado.

En antaŭaj centjaroj la milito estis ja limigata en siaj rimedoj. Ankaŭ ĝi havis tiun senkulpigon, ke ne ekzistis tiam aliaj rimedoj por solvi konfliktojn inter ŝtatoj. Nun ĝi forigas ĉiujn limojn kaj la tekniko preparas eĉ amasan buĉadon de urbaj loĝantaroj.

Dume, nenia senkulpigo restas, ĉar ekzistas nun aliaj rimedoj por juĝigi disputojn per internaciaj instancoj.

Sed kiel fari por sukcese reagi?

Laŭ Profesoro Ferrero, nia civilizo mortigos sin mem, se oni ne solvas la problemon. Kiamaniere? Ĉu estas eble reveni malantaŭen kaj limigi militojn al malpli teruraj skaloj? Pri tio li tre dubas. Laŭ lia opinio, estus eĉ pli facile ĝin tute forigi. Kio estis ebla al reakciaj monarkioj de Eŭropo, kiuj interkonsentis en 1815 por konservi pacon dum du generacioj poste, ĉu tio ne estus ebla al nunaj ŝtatoj de moderna Okcidento? Se la kvar ekonomie plej potencaj interkonsentus, ili povus efektive forigi militon, kun helpo kaj aprobo de ĉiuj aliaj, almenaŭ por sama daŭro da tempo. Per grandskala redukto de armadelspezoj, ili povus liberigi la rimedojn por necesaj ekonomiaj kaj kulturaj entreprenoj. Jen la konkludo de Ferrero.

Poste la kutimo pri paco kaj uzo de pacaj rimedoj por solvi konfliktojn fariĝos ankaŭ potenco kontraŭ la milito. Sed nuntempe kia forto, kia potenco estas disponebla por puŝi al tiu interkonsento?

Unuarange la popola naŭzo pri abomeneco kaj malsaĝeco de l' milito. Ĉio, kio disvastigas tiun naŭzon fakte servas al puŝo en tiun direkton.

Analizante la modernan militon, la itala historiisto notas revolucion kiel unu el la rimedoj por venko. Igi la militon tiom terura, ke la kontraŭa popolo iĝu « supernaŭzita » kaj ribela por devigi sian registaron al tuja paco, tio estis taktiko observita kaj plurfoje sukcesa. Pro tio la suferigo al urbaj loĝantaroj restos militrimedo ŝatata.

Al tiu rimarko de Ferrero ni aldonu tiun-ĉi: estus multe pli bone utiligi nun kaj tuj la ankoraŭ restantan naŭzon pri la lasta milito por devigi al senarmiĝo kaj seriozigo de la pacrimedoj. En tempo de milito, estas tute alia afero. La naŭzo ne rajtas esprimiĝi. Ĝi estas punata per sango. Tial interna milito povas aperi kiel sola rimedo kaj « malpli granda malbono » al la naŭzita popolo, kiu volas ĉesigon de la teruraĵo.

En tempo de paco tiu ĝenerala naŭzo pri sangaĵoj entenas egalan malŝaton al interna kaj ekstera milito. Ĝi povas uzi politikajn rimedojn por atingi sian celon.

Repremi la naŭzon dum paco anstataŭ ĝin utiligi por forigi militon, tio estas granda risko, ĉar tiu naŭzo reaperos en alia horo sub formo detrua anstataŭ konstrua. Oni ja esperos, ke tio okazos en la kontraŭa kampo, sed eble ĝi eksplodos hejme antaŭe.

Sed la plej tipa eco de multaj modernaj homoj estas la jena: Ili ne pensas. Ili ne havas tempon. Ili ja lernas historion, sed nenion el ĝi. Riĉaj amasoj de spertoj instruoplenaj restas ne komprenataj, neuzataj, ne profitataj.

Ni similas al naivaj ŝafoj kuŝantaj sur egiptaj arkivoj anstataŭ pajlo. La poeto Paul Valéry ne povis kaŝi sian miron pri tio eĉ en tiu plej respektinda loko, la Franca Akademio, antaŭ kelkaj semajnoj.

Li esprimis sian miron, ke ekzistas ankoraŭ homoj kun iluzioj aŭ eĉ esperoj al milito: « Oni trovas, ke ne estis sufiĉe da malfeliĉo kaj seniluziigo, ne sufiĉe da ruinoj kaj larmoj, ne sufiĉe da kripluloj, blinduloj, vidvinoj kaj orfoj. Ŝajnas kvazaŭ la malfacilaĵoj de paco paligas la terurecon de l' milito, kies timigan bildon oni diversloke malpermesas...

« Kia stranga epoko! Kiaj strangaj mensoj, tiuj respondecaj pri tiaj pensoj! En plena konscio, en plena inteligento, en ĉeesto de la teruraj memoraĵoj, apud sennombraj tomboj, post ĵusa sperto, apud la sciencaj laborejoj kie oni esploras fervore la enigmon pri tuberkulozo kaj kancero, homoj povas ankoraŭ revi pri nova provo ludi la militan ludon.

Ĉu ne ŝajnas kvazaŭ la homaro, eĉ inteligenta kaj racia, sed nekapabla oferi siajn impulsojn al la scio kaj siajn malamojn al siaj doloroj, kondutas kvazaŭ aro de malsaĝaj kaj malindaj insektoj nevenkeble allogataj al flamo?... »

Tiel parolis la poeto al generaloj kaj verkistoj kunvenintaj. Tio meritis ja citon same kiel la saĝaj analizoj de l'historiisto. En ĉefartikolo ni aludas pri la dek monatoj ankoraŭ restantaj antaŭ ol kunvenos la konferenco pri senarmigo.

Ĉar efektive regas antaŭ ĉio sentoj kaj kutimoj inter la popoloj, estas urĝe, ke oni konigu ĉie la veron pri la milito por veki aŭ reveki la naŭzon pri ĝi. Historio de la civilizo konas tiajn vastajn movojn de publika opinio, kiuj balais for ĉiujn barilojn survoje. La naŭzo pri la milito povus fariĝi tia potencega ondo. Estus ja afero koncernanta ĉiun virinon, ĉiun viron, ĉiun infanon, kies propran vivon aŭ karulojn minacas fine la preparataj buĉadoj. Post kiam ili komenciĝis, ilia sanga krueleco ne plu distingas inter defendo kaj atako.

Necesas montri tion kaj forigi la iluzion, ke fortaj armeoj ŝirmos la popolon kontraŭ atako. La malo estas nun vera teknike. Ju pli forta la armeo, despli necesa por atakanto uzi aliajn rimedojn kaj suferigi rekte la urban loĝantaron per gasoj kaj aliaj aermetodoj, kontraŭ kiuj ekzistas neniu ebla defendo escepte reatako, siavice sekvota de venĝo, revenĝo, k.t.p.

Dua punkto iganta la nunan jaron aparte favora kaj eĉ unika okazo por organizi potencan publikan movadon, tio estas la fakto, ke ne temas pri ia teoria, malproksima celo, sed pri tuja konkretaĵo. Post iom da tempo la registaroj devos prepari instrukciojn por siaj delegitoj al la konferenco.

Tria punkto estas impresa, nome, ke ne temas pri unuopa redukto de armiloj, sed pri kuna kaj samtempa. Tio tre faciligas la komprenon ĉe la publiko.

Malofte dum centjaroj malfermiĝis tiel unika momento por ĉiuj bonvoluloj doni sian tempon, monon, fervoron por tuja kaj fundamenda celo.

*Pri ĉiuj informoj koncerne la popolan movadon, naciaj petskriboj k.t.p. turnu vin al Internacia Ligo de Virinoj por Paco kaj Libereco, 17, Rue du Vieux Collège, Genève.*

##  Hejma anguleto 

### MANĜU TRITIKON

Ĉu la ĉefministro de Kanado dum sia vojaĝo al Londono pripensis rimedon por akceli la vendadon de sia nacia greno : tritiko ? Unu el la plej simplaj estus enkonduki en Eŭropo — kaj eble ankaŭ en Kanado mem — la manĝadon de tritiko en la hejma vivado.

Kiel ? Ĉu ni ne manĝas jam panon ? Jes, ni manĝas panon, kvankam ne ĉiuj egale. Certe nek angloj, nek germanoj tiom, kiom francoj. Sed ne temas pri pano. Temas pri tritiko bolita aŭ rostita kiel ĉefa manĝaĵo, same kiel rizo. Tion konis la Romanoj en antikva tempo kaj ili bone fartis. Kial ne repreni tion ?

Tritiko estas pli bon-gusta kaj pli nutra ol rizo. En libro pri principoj de nutrado, D-ro Hanish asertas, ke manlaboristo povas vivi per 200 gramoj da tritiko, 60 gr. da oleo kaj 250 gr. da fruktoj potage. Oficisto bezonas laŭ sama opinio, 125 gr. da tritiko, 30 gr. da oleo kaj 300 gr. da fruktoj. Intelektulon li konsilas manĝi 60 gr. da tritiko, 500 gr. da fruktoj kaj forlasi oleon. Kiu provis iam manĝi tritikon kutime tre ŝatas ĝin kaj enkondukas ĝin regule en la hejman vivadon. Kiel oni kuiras ĝin ?

Antaŭ ĉio necesas ĝin aĉeti. Matura greno estas tro malmola. Vi devas nepre aĉeti verdan tritikon, do nematuran, ĉar pli molan. Kutime vegetaraj restoracioj povas informi kie aĉeti tian. De kamparanoj mem aŭ de bakistoj aŭ spicistoj iom modernaj oni povas ĝin havigi. Kiam la kutimo estos pli ĝenerala, ĝi estos ankaŭ pli facila. Lavu la grenon kaj forprenu ŝtonetojn. Poste metu (por du personoj) unu tasplenon en triobla kvanto da akvo kaj lasu dum unu nokto (aŭ 8 horoj).

Post tiu akvumado la greno ŝvelis kaj plimoliĝis. Tiam bolu ĝin en sama akvo dum duonhoro sur libera fajro, aŭ dudek minutoj en vaporujo. Ne forgesu salumi.

Antaŭ ol alporti sur la tablon, kuiru kelkajn minutojn la tritikaĵon en butero aŭ oleo, en kiu vi fritis pecetojn da bulbo por aldoni guston. Lastminute enmiksu ankaŭ iom da raspita fromaĝo, se vi dezira plian guston. Helpas ankaŭ iomete da pipro, papriko aŭ angla Curry.

Se vi havas gastojn, aranĝu la tritikaĵon en formo de krono kaj ornamu la mezon per tomata saŭco aŭ per fungoj en bruna saŭco de bulboj.

Estus mirinde, se viaj gastoj, ne gratulos vin pri la frandaĵo kaj ankaŭ enkondukos tritikon en sian hejmon kiel unu el plej ŝatataj manĝaĵoj. Tiel okazis al ni. (Pareto).

### Lingva Barbarismo aŭ nova internacia lingvo?

ALEX HYDE

***And his Musical Ladies***

HEUTE DÉBUT

im

Grand Café Sihlporte

Granda anonco en ĉefa taga gazeto svisa.

# Literaturo

## La sufero de sinjoro la profesoro

De Fritz Kraner

Estis agrablega printempa tago. La alaŭdoj grimpis gaje en la bluan eteron kaj kantis vete. La unuaj flavaj kaj brunaj papilioj flirtis ĉirkaŭ la anemonoj kaj primoloj, kiuj kovris la freŝverdan deklivon per miloj da blankaj kaj citronflavaj makuletoj. Ĉiu estaĵo ĝojis, kaj ankaŭ sinjoro la profesoro, finante sian unuan printempan promenadon tra la kamparo, estis plenfeliĉa.

« Ho, kiom mirinda do estas la printempo », li diris. « Ĉiu kreitaĵo sentas pulsi pli vigle siajn vivofortojn. Ĉiu paŝo ŝajnas pligrandigi la sanon kaj bonfarton. Feliĉega la homo scipovanta aŭskulti ĉi tiun sekretan procedon de sia renaskiĝo! » — Kaj jen, S-ro la profesoro, fortike hejmen marŝante, aŭskultis. Kion li esploris? Komence nenion speciale rimarkindan. Sed poste, ĉe kelkaj pli fortaj paŝoj, li vere malkovris ion sekretan. Kie? En la azura aero? Sur la florantaj herbejoj? En la verdantaj arbustoj? Ho ne! En si mem, en sia propra kapo, en sia mempropra dekstra orelo! Ĉe ĉiu paŝo strangan sonon, kuriozan frapon, pli malpli laŭtan krakon kaj klakon.

Kiam li jam antaŭe do estis observinta tian klakantan bruon? Hm, post la bano kaj subakviĝado, kiam akvo estis penetrinta en la orelkonkon kaj eksteran aŭdan irejon. Tiam oni klinis la kapon al la koncerna flanko kaj saltetis sur la koncerna piedo, kaj la akvo, agrable varma, elfluis.

Kaj la sinjoro klinis sin kaj saltetis dekstre. Sed kiom ofte li ripetis la procedon, nenio fluida aperis, kaj la stranga frapado daŭris. — Ĉu pro tio oni maltrankviliĝas? Ha ne, malgranda kataro, kiun la vivofortoj de la printempo baldaŭ forigos!

Alveninte hejme, miraklo, li jam povis konstati, ke la malgranda ĝeno estas malaperinta. Kaj sinjoro la profesoro sidiĝis kaj skribis gazetartikolon pri la mirige renovigaj naturpotencoj de la printempo, kiuj skuvekas kaj trakirlas ĉiujn bonajn sukojn ĝis maltrankviliĝado kaj tuj pligrandigas la bonfarton de ĉiu estaĵo.

Je la tago post la sekvinta li tre kontente portis sian artikolon al la poŝtejo. Feliĉega la homo sentanta sin tute freŝa kaj sana kaj scipovante konsili siajn proksimulojn per tiaj belaj artikoloj. Ĵetinte la leteron en la keston li paŝis vigle antaŭen sur la trotuaro por viziti sian malnovan amikon la kuraciston. Estas nur amikeca vizito, tute ne konsulto, ĉar dank' al la resaniga printempo oni ne bezonas kuracistojn. Sed diablo! Ĉu ne denove aŭdiĝas la stranga sono en la dekstra orelo? Vere, frap'-frap', krak' krak', klak' klak' ĉiupaŝe! Bone do, ni demandu la kuracistan amikon!

Sinjoro la doktoro ekzamenas la orelon per la orelspegulo. Nenio kontraŭorda! « Eble iu metis pulon en vian orelon, kiu nun saltas kaj tamburas malantaŭ la timpana membrano. Por tie ĝin kapti, al mi mankas bedaŭrinde la instrumentaro. Iru do al orelspecialisto, por ke li mortpafu la tamburantan saltsportemulon! » La amiko ridas, kaj sinjoro la profesoro faras same.

Sed irante hejmen, frap' frap', krak' krak', klak' klak'! Ĉu tamen la amiko eraras? Ĉu tamen oni konsultu spertan orelistón, se post semajno la maltrankviliga fenomeno ne estos malaperinta?

La semajno pasis, kaj la frapado renoviĝis ĉiam, kiam sinjoro la profesoro forlasis la domon kaj marŝis tra la stratoj. Do, al la orelisto!

Ĉi tie ekzameno kaj esploro laŭ ĉiuj artreguloj! Enigo de sondilo tra la nazo, blovado tra la eŭstaka tubo, masaĝo de la kolaj glandoj. Ĉio en ordo!

Restas nur unu diagnozo! Gravamiene la orelisto verdiktas: « S-ro profesoro, via sufero ne estas korpa, sed psika. Temas pri halucinacioj. Via spirito respondas kontraŭregule al la influo de la libera aero. Konsultu psikiatron! » — Kion fari? Halucinacioj estas tre danĝera afero. Oni devos obei la oreliston.

La psikiatro estras grandan sanatorion por kvaron-, trion-, kaj duon-frenezuloj. Li aŭdas atentege la raporton de la sinjoro. Sekvas cent demandoj: ĉu la praavo, avo, patro suferis je halucinacioj? Ĉu la praavino, avino, patrino estis pli malpli ekstravaganculinoj? Ĉu la sinjoro emas stari dum tagoj sur unu piedo? Ĉu li emas manĝi ŝtonkarbon, trinki inkon, skribi anonimajn leterojn? Ĉu li sin kredas imperiestro de Timbuktu? La sinjoro devas marŝi laŭlonge de rekta streko sur la planko, fermi la okulojn sen faleti, prezenti ĉiujn siajn artikojn al la frapekzamenado. Nenio kontraŭorda konstatiĝas.

Sed la fakto de aŭdaj halucinacioj ne povas esti neata. Do, la sinjoro devas restadi ĉi tie, por plua observado, almenaŭ du semajnojn! Ĉiam, kiam la vetero permesos, li promenados nudkape, senĉapele en la granda ĝardeno de la kuracejo, por sin fortigi kontraŭ la influado de la libera aero kaj ĝui la sanigan efikon de la sunradioj.

La psikiatro estas famulo en sia fako. Pli ol unu, kiu, enirante en lian sanatorion, ne kredis al sia malgranda frenezeto, revenis tute normala el lia kuraco. Oni do restadas, promenadas, fortigas sin kontraŭ la influado de la libera aero, ĝuas nudkape la sanigajn sunradiojn.

Ĉiutage la sama interparolado. « Ĉu vi bonfartas, profesoreto? » « Dankon, S-ro direktoro, bonege! » — « Ĉu io bruis lastatage en via dekstra orelo? » — « Nenia sono, S-ro direktoro! » — « Bone! Bonvolu daŭrigi ankoraŭ kelkajn tagojn ĉi tiun plezuran procedon! Vi tute resaniĝos! Certe. »

Post du semajnoj fine: « Mi gratulas vin, S-ro profesoro! Vi estis en granda danĝero. Sed nun, dank' al la kuracista scienco, vi estas tute resanigita. Bonvolu preni vian litkusenon — vian ĉapelon — kaj iri hejmen. Via kredo helpis vin! Adiaŭ! »

Kaj sinjoro la profesoro prenis sian ĉapelon. Sed estante kutiminta la lastajn dekkvar tagojn iri nur nudkape, li marŝis la ĉapelon en la mano. Estis malmola feltĉapelo kun rekurbigita randaĵo.

Ree la profesoro estis plenfeliĉa. Post tiom da semajnoj de maltrankviliĝo li migris vigle sur la strato sen la malbenita tamburrulado en orelo. Estu glorata la kuracista arto!

Sed eble por profesoro ne decas, vagi nudkape sur publika strato. Surmetu do la ĉapelon! Tondro! La sufero revenis! Frap' frap', krak' krak, klak' klak'. Ĉu eble la ĉapelo?

Ni faru eksperimenton! Malsupren la ĉapelon! Ĉio silentas! Denove surmetu! Frap' frap'! Alian provon! Ni turnu la ĉapelon, por ke la buko troviĝu maldekstre! Ho miraklo, la frapado, krakado, klakado en la maldekstra orelo!

Ekzamenu la ĉapelon! La buko? Ne, tute en ordo! Alia kaŭzo! Jen, la drato, kiu tenas kaj fortikas la randaĵon, malnodiĝis. La libera ekstremaĵo nun povas vibri, oscili, svingiĝi,

kaj ĉe ĉiu paŝo ĝi batas kontraŭ la malmolan randaĵon, kaŭzante la strangan bruadon.

Alveninte hejmen la profesoro verkis du sciencajn artikolojn, unu pri la diferenco inter halucinacio kaj iluzio, ilustrita per ĉapelrandaĵa drato, alian pri la interplekteco de ĉiuj vivkondiĉoj, ebligante eĉ al ĉapelisto, plivigligi la psikiatrian negociradon. Ho mondo kaj vivo, vi tamen estas belaj!

## Tra mistera Tibeto

Longe regis nepenetrebla mistereco pri tiu altega lando, kaŝita malantaŭ la neĝaj pintegoj de Himalaja montaro.

Fermita por fremduloj, ĝi restis malproksima celo de vojaĝaj aventuroj kaj fantaziaj supozoj.

Oni ja sciis pri la stranga eklezio-ŝtato, regata de la ĉeflamao, kaj iom pri tiu kolorplena lamaismo, produktita per renkonto de Budhismo el Hindujo kun Ŝamanismo el la mongolaj herbaj dezertoj.

Sed ĉiuj detaloj mankis. Nun ni havas librojn pri Tibeto, aŭdas prelegojn pri ĝi kaj vidas fotografaĵojn de ĝia ĉefurbo Lhassa kaj de la mildomaj monaĥejoj de la tibetaj lamaoj.

Inter parentezoj la Tibeta malnova konstruarto similas niajn plej modernajn eŭropajn montpalacojn, hotelojn aŭ sanatoriojn. Alteco, neĝo, samaj necesaĵoj inspiris al homoj tre similan koncepton pri arkitekturo. Kaj ni ne kopiis unu la aliajn. La Tibetaj konstruaĵoj estis ne konataj okcidente kaj pli antikvaj.

Impresa estas la pejzaĝo de tiu « Tegmento de l' mondo » alte kuŝanta inter nudaj rokoj en la centro, neĝaj montoj en la sudo kaj senlimaj ebenaĵoj herbaj en la nordo. Ĝia majesta grandiozo vokas timon kaj sorĉon. Ĝia silento respekton. Ĝiaj riveroj mirindan ĉarmon.

Jam allogis ĝia mistero la Ĉinojn de l'antikva tempo. Legendo rakontas pri la forvojaĝo de Lao-Ce jam tre maljuna. Rajdanta sur bovo, la saĝulo sin direktis al la Neĝa Lando kaj malaperis.

Eĉ nun sur altaj vojetoj de Himalaja, trans arbaroj, dezertaj valoj kaj glaciejoj, iuj hindaj pilgrimantoj falas sur neĝon pro laco kaj malsato kun okuloj sopirantaj al revita celo.

Foje malluma pordo aŭ ligna fenestro elrigardas el tero dekliva. Tie vivas en soleco feliĉa ermito pripensanta pri la iluzio de l' mondo kaj la potenco de l' spirito, kiu kreas la vidaĵon.

• Pri ĉio ĉi admirinde nin informas tiu kuraĝa virino S-ino David-Neel, kiu studis la sciencon de lamaoj, pasigis jarojn en ermitejo kaj trovajaĝis piede la tutan landon, kies lingvon ŝi lernis kaj flue parolas. Ŝiaj libroj alportas riĉan dokumentaron [1].

Plej interesa estas la dua, kiu rakontas multajn faktojn tre rimarkindajn pri lamaoj kaj iliaj kutimoj de pripensa fortiĝo.

S-inon David-Neel sekvis al Eŭropo ŝia adoptita filo, lama Yongden, kiu ŝin akompanas dum ŝiaj prelegoj kun lumbildoj.

Kun scienca kritikemo kaj eĉ ironia skeptikeco ŝi raportas pri popolaj kredoj kaj legendoj de Tibetanoj, ankaŭ pri strangaj psikaj fenomenoj.

Plej impresa estas ŝia konstato, ke la Tibetanoj mem ne kredas je mirakloj, ĉar ili trovas ĉiujn okazantaĵojn klarigeblaj. Lamaoj instruas, ke ĉio estas nur kreaĵo de nia menso kaj kutimiĝas per pens-ekzercoj krei kaj malkrei bildojn por si mem kaj foje por ceteraj homoj.

Eĉ varmon ili kapablas kaŭzi per intensa pens-praktikado kaj tion utiligas por dormi sur neĝo aŭ sekigi vestojn. Estas ja konata afero, eĉ por eŭropaj infanoj, ke vi povas atingi akran senton de varmo en unu fingro se vi turnas vian tutan penson al ĝi.

En diversaj punktoj la Tibetanoj komprenas pli profunde ol Okcidentanoj la psikilogion de l' popolamasoj. Ili konas la potencon de pensoj kunigitaj al sama direkto.

Jen du tipaj popolaj rakontoj aŭditaj de S-ino David-Neel:

**La moviĝanta ĉapo.**

Iam vendisto vojaĝis kun sia karavano dum tago terure venta. Blovo forigis lian ĉapon kaj ĵetis ĝin en arbetojn.

Li ĝin ne serĉis kaj ĝi restis tie. La ĉapo havis orelumojn el felo. Duonkaŝite inter dornoj, ĝia formo ja estis nerekonebla.

Iun vesperon alia vojaĝanto preterpasis kaj ekvidis strangan aĵon tie. Ne speciale brava, li pli rapidis kaj paŝis for. La morgaŭan tagon en apuda vilaĝo li rakontis pri la suspektinda viditaĵo.

Pasis tempo. Aliaj vojaĝantoj rimarkis la samon kaj rakontis pri ĝi en la sama vilaĝo. Poste venis ankoraŭ pliaj kaj demandis aŭ parolis pri ĝi.

Pluvo, suno, polvo jam konsiderinde ŝanĝadis la formon kaj koloron de la forlasita ĉapo. La elstarantaj orelumoj kun haroj eĉ similis ion bestan. Entute aspekto ne ordinara.

Nun ĉiuj pilgrimantoj aŭ vojaĝantoj haltantaj en la vilaĝo ricevis solenan averton, ke ĝuste ĉe l' komenco de l' arbaro io, nek homa, nek besta sin kaŝas tie. Estu singardaj!

Iuj esprimis ideon, ke tiu aĵo estas eble demono. Baldaŭ ĝi fariĝis diablo. Pli da homoj ekvidis ĝin. Multaj pli rakontis pri ĝi kaj la tuta regiono jam diskutis pri la diablo kaŝita ĉe l'angulo de l'arbaro.

Tiam okazis ke unu tagon vojaĝantoj vidis la ĉapon moviĝi, alian tagon ĝi jam leviĝis el branĉoj, fine ĝi ekflugis kaj postkuris pasantojn. Terurigitaj, ili rapidegis for per kruroj flugilaj.

La ĉapon vigligis, ne la vento, sed la efiko de la multaj pensoj kune direktaj al li.

Tiel opinias la Tibetanoj sen ia miro.

**La lumbrila dento.**

Vendisto vojaĝis unufojon ĉiujare al Hindujo. Lia maljuna patrino petis lin alporti al ŝi sanktaĵon ian el tiu sankta lando, kie naskiĝis buddhismo. Promesis la filo.

Sed li forgesis kaj tre ĉagrenis la patrinon. Postan jaron, kiam li denove sin pretigis al vojaĝo, la maljunulino repetis lin kaj li repromesis.

Ankaŭ reforgesis. La trian jaron tute same. Sed tiun ĉi fojon li ekmemoris la promeson ĝuste antaŭ ol atingi la hejmon revene. Kion fari? Kian ĉagrenon ŝi denove suferos!

Pripensante pri rimedoj, jen li ekvidis survoje pecon da hunda buŝosto. Jen ideo. La rompitan makzelon li prenis, eltiris el ĝi unu denton, purigis ĝin tre zorge kaj envolvis en silka tuko.

— Ĉu vi ankoraŭ forgesis alporti al mi sanktaĵon el Hindujo? demandis la maljuna patrino senespere.

— Ne! respondis la vendisto, ĵus alveninta, kaj elprenis el sako la mirindan pakaĵon. Jen multekosta memoraĵo, dento de la granda disĉiplo Sariputra!

Kun nedirebla ĝojo kaj adoremo la pia virino metis la sanktaĵon en luksan ingon sur altaro. Ĉiutage ŝi bruligis lampon kaj incenson antaŭ ĝi. Baldaŭ kunvenis aliaj piuloj kun ŝi. Post iom da tempo la dento jam ekradiadis lumon el si mem.

El la rakonto naskiĝis proverbo Tibeta

| | |
|---|---|
| *Ĥji so eŭ Tung* | Eĉ hunda dento lumbrilas. |
| *Meŭ gus jeŭ na* | Se respektego regas. |

[1] *Voyage d'une Parisienne à Lhassa* kaj *Mystiques et Magiciens du Thibet*, ĉe Librejo Plon, Paris.

Ne kredu, ke tiun rakonton eltrovis iu ŝerculo por moki piulojn. Tibetanoj ne ridas aŭ indignas pri ĝi. La fakton ili citas por esprimi sian kredon, ke ĉiuj sanktaĵoj valoras nur pro la respekto al ili montrataj kaj havas nur tiom da povo, kiom donas al ili la fido kaj fortaj pensoj de la piuloj.

— Vi mokas pri niaj sanktaj ŝtonoj aŭ dentoj, diris iam Aziano al Eŭropanoj. Sed ni scias, ke ili estas nur ŝtonoj aŭ dentoj kaj uzas ilin konscie por centrigi niajn pensojn. Dume vi, Okcidentanoj, konservas idolojn en viaj cerboj sub formo de famaj vortoj aŭ kliŝoj kaj adoras ilin sen konscia pripenso.

Psikologio de ŝovinismo aŭ aliaj modernaj amaskredoj povus multon lerni de la Tibetaj spertoj.

P.

## Mia amiko Jonas

**Humoraĵo de Pitter Jens Nyssen**

Mia amiko Jonas havis veturilon. Belan veturilon por fari promenadojn. Kun tegmento por suprenlevi, sidloko por la servisto kaj ĉio mirige polurita. Tian veturilon havis mia amiko Jonas.

Bedaŭrinde, krom tio li posedis nenion. Kaj mi aldonas ke ankaŭ mi ne havis pli multe. Sed la veturilo troviĝis en remizo ie en Buenos Aires. En luksa remizo, kompreneble. Kaj foje, se ni volis permesi al ni ion specialan, tiam ni sidiĝis en la belan veturilon, kiu staris en la remizo. La viro kiu luis al ni la remizon ankaŭ luis ĉevalojn, ĉiaspecajn, grandajn kaj malgrandajn, brunajn kaj nigrajn, oni nur povis elekti. Sed por lui ĉevalojn — mi ne scias, ĉu *vi* tion scias — por tio ja necesas bela kvanto da mono. Pro tio ni plejofte restis en la remizo por rigardi la veturilon.

Iun tagon Jonas ricevis leteron. Grandan leteron kun sigelaĵo, simila al tiuj, invitantaj pagi imposton aŭ ion similan. Nu, tiajn leterojn Jonas ne kutimis legi. Li volis forbruligi la leteron sed ŝajne la alumedoj ne taŭgis. Tiel li tamen devis legi la leteron. Ĝi enhavis la inviton, veni al juĝejo. « Tio estas stranga », diris Jonas, mi jam plenumis ĵuran deklaron, ke mi nenion posedas. Sed li estis junulo kaj scivolema; pro tio li tamen iris. En la juĝejo oni informis lin, ke lia onklo mortis kaj nomis lin heredonto.

Nu vi eble pensis, ke Jonas saltis pro ĝojo aeren. Ĉu ne? Tamen ne estis tiel. Ĉar tiu ĉi mortinta onklo estis sama sentaŭgulo kiel Jonas mem — dum lia vivo nature. Nu, ni tamen iris por vidi la kaŭzitan domaĝon. Ni trovis ses paperkolumojn, irigatoron kaj kelkajn fortike ligitajn pakaĵojn « Verŝajne estas manuskriptoj? » opiniis Jonas. Sed ne estis manuskriptoj. Estis cigaredoj. Multegaj cigaredoj, eble 20.000, eĉ eble 100.000, kion mi sciu. Ĉiuokaze multege da cigaredoj, diablo sciu, de kie li prenis ilin.

« Bonege », mi diris, mia cigaredvendisto jam de longe ne plu kreditas al mi. »

« Ne malbone kaj en tiu okazo vi deziras forfumi miajn cigaredojn? Hontu! »

« Ni do ne fumu ilin? » mi demandis.

« Ne, mi havas ideon. Ni komencu nun honestan vivon! »

« Ankaŭ bone », mi diris.

« Nu vidu, tio tamen ne povas daŭri tiel kun ni. Ion ni devus nun labori. Ni malfermu vendejon de cigaredoj. »

« Sed por lui magazenon oni bezonas monon, kara Jonas. »

« Tion mi ankaŭ scias. Ni do ne luos magazenon. Por kio mi do havas mian veturilon, he? »

Tagon poste ni iris al nia veturilo. Al la ĉeval-luisto Jonas montris la testamenton kaj plenĝoje — li pensis, ke fine li ricevos la lupagon — tiu ĉi bonulo luis al ni du ĉevalojn. Tiam Jonas serĉis grandan afiŝon — mi ne fidis miajn okulojn — sur kiu estis gluitaj multaj bankbiletoj, belega argentina papermono. Multkolora estis la afiŝo. Longe mi nenion povis diri.

« La biletoj estas falsaj », li klarigis. Ni serĉis la cigaredojn kaj veturis al la Viktoria Placo. Baldaŭ kolektiĝis aro da rigardantoj. Jonas rektiĝis kaj ekparolis:

« Sinjorinoj kaj sinjoroj. Vi vidas en ni la reprezentantojn de la cigared-fabrikejo « Excelsior » ĵus fondita kun grandega kapitalo. Niaj cigaredoj superas ĉion ĝis nun fabrikitan. Por nun fari ankaŭ plezuron al la publiko kaj por enkonduki nian markon « Excelsior », ni decidis rekompensi niajn honorindajn klientojn. Ni metis en ĉiun trian pakaĵeton bileton, tiel kiel vi vidas, de unu peso ĝis cent pesoj. Kaj en unu pakaĵeto estas bileto de mil pesoj. Venu kaj aĉetu, pakaĵeto kostas 50 centimojn. Nur kvindek centimojn, la plej bona cigaredo en la tuta mondo. »

La afero funkciis grandioze. Ni nur bezonis enspezi monon. Dum dek minutoj la tuta provizo disvendiĝis ĝis sola unu pakaĵego. Tiumomente venis distinga sinjoro. La ĉirkaŭstarantoj liberigis lokon.

« Vi diras do », li komencis, « ke en la pakaĵetoj estas papermono? »

« Certe », respondis Jonas. « Vi vidas en ni... » kaj li deklamis sian paroladon denove.

« Se mi do », interrompis lin la sinjoro, aĉetas la tutan pakaĵeton, tiam mi devus trovi monon en ĝi. »

« De unu peso ĝis mil pesoj! La plej bona cigaredo de l' tuta mondo », kriegis Jonas.

« Nu bone, mi aĉetas la tutan kvanton kaj malfermos la unuopajn pakaĵetojn tuj tie-ĉi », kaj tiam li alvokis du virojn. Kio restis al ni? Se ni estus rifuzintaj la vendon, tiam oni estus nin deklarinta kiel trompistojn. Ni do donis al li la pakaĵetojn, unu post alia. La du viroj malfermis kaj ne trovinte papermonon ĵetis la cigaredojn al la publiko. Fariĝis granda batalo. Sed por ni la afero ne estis tiom agrabla. Kiam la pakaĵego estis duone malplena, diris al ni la sinjoro kun severa rigardo: « Ĝis nun ni nenion trovis ». « Tiam vi havis malbonŝancon », diris Jonas kaj transdonis al li pluajn pakaĵetojn. Sed la pakaĵego malgrandiĝis ĉiam pli kaj nenia bileta vidiĝis. Fine li transdonis la lastan pakaĵeton. Ĉiuj rigardis atente.

« Vi diris do, ke estus bileto de milpeso en unu el la pakaĵetoj? »

« Certe ni tion diris ». — « Nu se iu estus trovinta la bileton, tiam li certe estus ion dirinta. Sed ĉar neniu anonciĝis, devus sekve troviĝi en tiu ĉi lasta pakaĵeto la milpesa bileto, ĉu ne sinjoroj? »

Ni nenion plu diris. Estis klare, la viro estis supera policisto kaj la du aliaj estis kriminaloficistoj. Teda situacio. Oni certe arestos nin pro trompo. Mi volis forrapidi, kiam mi vidas ke oni malfermis la pakaĵeton kaj — nu, kion mi diru, Jonas sidiĝis pro surprizo sur la plankon de l' veturilo — elfalis bileto de milpesoj. Tute nova milpeso-bileto. La sinjoro videble seniluziiĝis kaj ni — mi ne plu scias, ĉu ni unue spiris pli libere aŭ ĉu ni estis furiozaj?

« Jen estas ankoraŭ io », diris tiumomente la sinjoro kaj levis folieton elfalintan. Tiam li legis laŭtvoĉe: « Kara Jonas! Mi volis ŝpari tiun plezuron ĝis lasta momento. Estas ĉio kion mi posedas. Ne uzu ĝin ŝpareme sed en la spirito de via mortinta onklo Teodoro. »

*Trad. G. Agricola.*

# LA TRI AĴOJ

Walter von der Vogelweide.

« Ich saz uf eine steine und dahte bein mit beine. »

*Sur ŝton' mi ripozetis,*
*La krurojn kruce metis,*
*Kubuton lokis en la sin'*
*Sur mia man' apogis min'*
*Unu vango kaj mentono.*
*Meditis mi, dum drono*
*En timo, pri la viv' kaj mond',*
*Sed ve, ne venis la respond':*
*Tri aĵojn kiel havi,*
*Por ĉiujn tri elsavi?*
*Honest' kaj Riĉ': jen du el Tri,*
*Batalas ofte inter si,*
*La tria: plaĉ' al Dio,*
*Plej grava el la Trio.*
*Ho, ilin havi en unu ŝrank'!*
*Sed estas, ve, eterna mank':*
*Loĝi en sama koro*
*Honesto, Di -adoro,*
*Kaj monda Riĉ' ne povas ja,*
*Malhelpojn ĉie trovas ja.*
*Perfido retojn metas,*
*Perforto ĉion tretas,*
*Mortvundaj estas Pac' kaj Ver'.*
*La Tri ne havos ŝirmon, dum ĉi Du malsanas sur la Ter'.*

El mezepoka germana: K. Kalocsay.

# LA RATKAPTISTO

Goethe.

*Jen mi, konata vagkantisto,*
*Kaj multvojaĝa ratkaptisto.*
*Ĉi tiu urb' de granda fam'*
*Min bezonegas nepre jam.*
*Kiom ajn ratoj en la keloj,*
*Kaj estu krome eĉ musteloj,*
*Purigos ja la urbon mi,*
*Min devos sekvi ĉiuj ĉi.*

*Estas la gaja vagkantisto*
*Kelkfoje eĉ infankaptisto.*
*Eĉ plej sovaĝan dresas li*
*Per orfabela melodi'.*
*Kaj kiel ajn la knabo spitas,*
*Knabino kiel ajn hezitas,*
*La kordsonor' de mia lir'*
*Devigos ĉiujn je postir'.*

*Estas la lerta vagkantisto*
*Kelkfoje eĉ knabinkaptisto,*
*Neniam lasis urbon for*
*Sen rabo de virina kor',*
*Kaj eĉ knabino la plej kruda,*
*Kaj eĉ virino la plej pruda,*
*Per sorĉaj kordoj, kanta rav',*
*Fariĝos mia ama sklav'.*

El germana: K. Kalocsay.

# Internacia libertempejo

**1. Julio-31 Aŭgusto 1931 en Lázně Bělohrad, Ĉeĥoslov.**

*Dua informo.*

Bonvolu legi nian unuan informon en la februara numero de « Esperanto », p. 28 (12)

La malgranda, trankvila banloko montras viglan intereson pri la Internacia Libertempejo. Bone prosperanta kurso de Esperanto, novaj UEA-anoj.

Gvidlibreto estas preparata kaj al ĉiu mendonto ĝi estos sendita depost la 10 de Majo.

Ĉeĥoslovakaj samideanoj jam mendas loĝejojn. Familioj de S-roj Rudolf Hromada, la ĝenerala sekretario de ĈAE kaj Otto Sklenĉka, la ĉefdelegito de UEA jam luis por si.



*La unua kunveno de la aranĝantoj.*

Kelkaj ĉeĥoslovakaj instruistoj rekomendas aranĝi dum Julio el Lázně Bělohrad Ĉe-kurson. Ni ekrilatis kun la Ĉe-Instituto kaj en la venonta numero ni informos pri la rezulto.

Por havi ideon, kiom da personoj interesiĝas pri tiu ĉi nova servo de UEA ni petas ĉiun leganton, kiu havas intereson pri I L tuj skribi al ni simplan karton kun sia preciza adreso. Tuj post eldono de la gvidlibreto ni sendos al ĉiu skribinto unu ekzempleron. Skribante menciu, ĉu vi interesiĝas nur pri I L. aŭ ankaŭ pri la eventuala Ĉe-kurso.

TERITORIA OFICEJO DE UEA
*Hradec Králové 628-a Ĉeĥoslovakujo.*

---

# Germana Muzeo de Higieno

La evoluo de la popolareca higieno en 20a jarcento estas tiom grava fakto, ke estas urĝe necese, kolekti ĉion ankoraŭ haveblan dokumentaron tiurilatan. Valora materialo dormas en la bibliotekoj kaj neniam estas uzata. Certa estas la danĝero, ke ĝi post pli aŭ malpli longa tempo por estos detruata.

Jam de jaroj klopodas la Germana Muzeo de Higieno, kolekti en la biblioteko kaj arkivo de la muzeo ĉiun atingeblan kaj ankaŭ jam sukcesis, kunigi tre atentindan trezoron — tamen ne estas kompleta kaj tre valoraj presajoj k.t.p., ne plu estis riceveblaj. *Al ĉiuj koncernataj personoj kaj unuiĝoj estas pro tio direktata la urĝa peto, transdoni donace al la Germana Muzeo de Higieno en Dresden, pri-higienajn librojn, ĵurnalojn, kalendarojn, flugfoliojn el ĉiuj landoj kaj lingvoj* kaj ilin tiamaniere konservi kaj igi uzeblaj por pli vastaj rondoj. Ja ne ekzistas ie loko aŭ aranĝo, kiu taŭgas por tiu celo kiel la Muzeo de Higieno en Dresden. *Aĉeti* tiun materialon ne estas eble.

Same la Germana Muzeo de Higieno petas, transdoni al ĝi ĉiun alian materialon prihigienajn, kiu ŝajnas valora esti konservata, ekz. *preparaĵoj, instrumentoj, instruigaj objektoj (speciale de historia intereso)*, kiaj ofte ekzistas en privataj domoj.

Kiu povas kaj volas tiucele helpi al la Germana Muzeo de Higieno en Dresden, sciigu tion al la direkcio de la Muzeo, Dresden, Lingnerplatz. Dankema estas la muzeo ankaŭ por atentigoj, kie eble troviĝas tia materialo. La nomoj de la donacintoj estas publikigataj en la jurnalo eldonita de la Muzeo « Hygienischer Wegweiser » (Prihigiena vojmontrilo).

La supra alvoko donas al ni Esperantistoj la eblecon, unu fojon pli pruvi la valoron de Esperanto — ĉiu leganto klopodu, sendi aŭ peri tian materialon al la Germana Muzeo de Higieno en Dresden, citante ĉe la transdono, ke li atentiĝis al tio per Esperanto-jurnalo.

J. K.

# Tra la Mondo Esperantista

## Oficiala Propaganda Vojaĝo

**de s-ro. Jos. R. Scherer tra Eŭropo post Krakovo.**

*Organizita de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, Ĝenevo.*

Post du monatoj S-ro Scherer, la speciala delegito de la I.C.K. atingos Eŭropon, kie li laŭplane vizitos Greklandon, Malton, Italujon kaj Svislandon por poste atingi la urbon de l' 23-a Universala Kongreso de Esperanto, Krakovo.

Dume ni enpresas ĉi tiun artikolon japana ŝipo portis nian kuraĝan mondvojaĝanton de Hindujo al Egipto. Tie fervoraj samideanoj kaj div. societoj ne-esperantistaj kun senpacienco atendas liajn interesajn paroladojn.

La brila sukceso de lia vojaĝo alvenigis ĉe la gvida centro de nia movado, la I.C.K., multajn petojn, ke S-ro Scherer ankaŭ venu al aliaj landoj ol tiuj, nomitaj en la programo jam publigita antaŭe. (Komp. *Esperanton* N° 7/8 (359-60) Julio-Aŭg. 1930.)

Pro tio la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en Ĝenevo decidis plilongigi la kontrakton kun S-ro Scherer kaj organizi propagandan vojaĝon tra Eŭropo post la Universala Kongreso de Krakovo en aŭgusto. Tiu sezono estas la plej favora por ĉiuj entreprenadoj. Grupoj, kluboj, societoj k.t.p. ekpreparas sian aŭtunan-vintran laborojn kaj ŝatos ilin komenci per impresa aranĝo.

La nomo de S-ro Scherer estas garantio por sukcesa propagando. Ni sincere rekomendas nian simpatian samideanon al ĉiuj, kiuj deziras profiti la helpon, kiun la I.C.K. havigas al nia propagando pere de li.

*Programo por Eŭropo*

| Lando: | Restado: | Proksimumaj datoj |
|---|---|---|
| 1. Polujo | 6 tagoj | 15.-21 Aŭg. 1931. |
| 4. Estonio, 2. Litovio, 3. Latvio | | 22 Aŭg.-2 Sept. 1931. |
| 5. Finlando | 5 » | 3 Sept.-8 Sept. 1931. |
| 7. Norvegujo, 6. Svedujo | 18 » | 9 Sept.-25 Sept. 1931. |
| 8. Danlando | 5 » | 26 Sept.-30 Sept. 1931. |
| 9. Germanujo | 18 » | 1 Okt.-18 Okt. 1931. |
| 10. Ĉeĥoslovakio | 12 » | 19 Okt.-31 Okt. 1931. |
| 11. Aŭstrio | 12 » | 1 Nov.-12 Nov. 1931. |
| 12. Hungarlando, 13. Rumanujo | 5 » | 13 Nov.-12 Nov. 1931. |
| 14. Bulgarujo | 12 » | 19 Nov.-1 Dec. 1931. |
| 15. Jugoslavio, 16. Italujo (Norda) | 5 » | 2 Dec.-7 Dec. 1931. |
| 17. Hispanujo | 10 » | 8 Dec.-18 Dec. 1931. |

*La definitiva programo kun precizaj datoj estos publikigata la 1 Julio 1931 kaj ne plu ŝanĝebla.*

La cititaj landoj estas vizitataj nur, se alvenos sufiĉe da invitoj por certigi la vojaĝon. Sen tio la definitiva programo estos reduktata laŭbezone.

**Invitojn sendu tuj al via Nacia Societo aŭ al ĝia komisiito, kiu poste fiksas la planon por via lando, interkonsente kun la Oficejo de la I.C.K.**

*Kiamaniere organizi paroladojn de S-ro Joseph R. Scherer?*

Estas organizataj du kategorioj da paroladoj:

a) *kontraŭ honorario*

por-esperanto paroladoj en Esperanto pri aktualaj temoj kun lumbildoj kaj nacilingva traduko eventuala en angla, franca, germana aŭ itala lingvoj. La honorario estas nur parta kompenso de propraj elspezoj, restado, materialo, aparat-uzo kaj minimume 10 us. dolaroj, po parolado.

Se oni ne pagas pli altan honorarion, estas kalkulate krom tio pri la rekonita gastameco de niaj samideanoj kaj amikoj.

b) *senpage*

puraj pri-esperanto-paroladoj nur por E.-grupoj, societoj k.t.p., kiuj organizas publikan manifestacion laŭ la kategorio a), ĉu memstare, ĉu en kunlaboro kun interesita korporacio, societo a.s.

S-ro Scherer kunportas propran projekcian aparaton, kiu estas uzebla ĉie, kie elektra fluo estas havebla.

Interesa parolado precipe kun lumbildoj pri aktualaj temoj de eksterlandano ĉiam altiras la publikon. Post elekto de unu aŭ kelkaj paroladoj oni povas nacilingve disvastigi la necesan reklamon per la gazeto, individuaj invitiloj, flugfolioj, prospektoj k.t.p., dissendataj amase.

Organizo de parolado(j) kontraŭ honorario devas esti farata sur larĝa bazo. Estas facile atingeble, ke influhava samideano faru aranĝon kune kun alia interesita aŭ interesigebla grupiĝo, ekzemple de fotografa societo, geografia klubo, turista rondo, komerca lernejo, universitata klubo, instruista societo, virina grupo, kooperativa rondo, kleriga asocio, fak-unuiĝoj k.t.p. En pli grandaj urboj la Komerca Ĉambro, Rotario-Klubo, Turisma Komitato a.s. institucioj estas ĉiam interesitaj pri partopreno. Ili volonte donos sian protekton kaj ofte plezure disponigas senpage ejon kaj alian utilan helpon. En kluboj aŭ kolonioj svisaj, germanaj, italaj aŭ usonaj facile ankaŭ povas esti organizata parolado nacilingva.

Eventuale vi mem povos profiti finance.

*Lernu el spertoj faritaj!*

*Ne tro akcentu la esperanton-karakteron de la aranĝoj. Ne organizu tedan reklamon por Esperanto. La impreso devas esti, ke ni donas unikan helpon per bonega fak-parolado kaj ne, ke ni petas subtenon por Esperanto. Ne enkonduku S-ron Scherer kiel Esperantiston, sed kiel fakulon, kiu ĉirkaŭvojaĝas la mondon. Propagandu nerekte. Por la invitotoj Esperanto devas havi signifon de nura helpilo. Nur per tia taktiko vi konvinkos interesitojn kaj akiros sukceson.*

La speciala delegito de la I.C.K. adaptiĝas al ĉiuj cirkonstancoj. S-ro Scherer estas praktikisto, kiu dank' al aparta sperto tuj superrigardas la situacion kaj faras al vi netakseblajn servojn.

**AGU TUJ! UZU LA MALOFTAN OKAZON!**

*Listo de paroladoj*

a) *Publikaj paroladoj en Esperanto pri aktuala temo kun traduko en nacian lingvon (se bezone) kaj lumbildoj el elekto de preskaŭ 20.000 fotoj kontraŭ honorario de minimume* 10 us. dolaroj.

*1-a serio*

1. Los Angeles la Centro de l' Paradizo; 2. Hollywod, la Film-Paradizo; 3. Suda Kalifornio kaj ĝia industria kaj komerca evoluo; 4. Suda Kalifornio kun sia fenomena agrikulturo; 5. Arizono, la teritorio de la ruĝhaŭtuloj, La Grand-Kanjono kaj aliaj misteroj; 6. Tra U.S.A. en aŭtomobilo; 7. La misteroj de l' Morta Valo; 8. La Pacifika Oceano de Meksiko ĝis Kanado; 9. Mirinda Svislando, k.a.

*2-a serio*

*Kun lastatempe faritaj pli ol 5.000 bildoj.*

1. Havaja romantiko; 2. Japanujo — lando kaj popolo; 3. Tokio, la koro de Japanujo — Ĉirkaŭ la Fujijama; 4. Norda Japanujo — laŭlonge de l' Nordjapana Maro; 5. La japana Hollywood; 6. En la industria centro de Japanujo — japanaj urboj; 7. Bildoj el Hindujo — En la Haveno de Ŝanghajo; 8. Travivajoj en Kantono — Makao, la Monako de l' Oriento; 9. Hongkong, la naĝanta doko de l'Ekstrem-Oriento; Indo-Ĥinujo — En Anamo kaj Kamboĝo — la ruinoj de Angkoro. 11. En la lando de l' blankaj elefantoj — Siamo; 12. Singapuro, la akso de la orienta mondtrafiko; 13. Javo — En la erupcia regiono de l' Merapi — Bali la paradiz-insulo. 14. Kun la kamero de Kalkuto ĝis Bombajo. 15. Vojaĝo tra Hindujo — Apud la limo de l' malpermesita lando Nipalo. Benares kaj la Ganges — Cejlono. 16. Piramidoj kaj Minaretoj — Egipto. — Vidaĵoj de sur la dorso de kamelo. 17. Palestino — Jerusalemo de hodiaŭ. 18. Fervoje de Palestino al Istanbulo. 19. Impresoj el Sirio; 20. Sukcesoj de l' nova Turkujo; 21. Promenado de Maratono al Ateno; 22. La Vesuvo kaj ĝiaj viktimoj; 23. Vidi Napolon kaj morti; 24. Romo kaj la Vatikan-Urbo; 25. Miaj tagoj en Florenco kaj Venecio, k.t.p.

b) *Puraj pri-esperanto paroladoj, sole por grupoj, societoj k.t.p., kiuj organizas publikan manifestacion laŭ la kategorio a). La paroladoj b) okazas senpage, se publika parolado estas organizita samloke.*

1. Kiamaniere organizi nian propagandon? 2. Metodoj de praktika esperanto-propagandisto. — Spertoj dum mondvojaĝo. 3. Kiel ĉerpi sugestojn kaj ideojn por nia propagando; 4. Organizo de Esperanto-klaso kaj la uzo de la rekta (paroliga) metodo de instruado. Spertoj el Usono (Eventuale un provleciono); 5. Esperanto kiel traduka lingvo en internaciaj kongresoj kaj konferencoj — Apliko, vojoj, preparado k.t.p.; 6. Rilatoj inter la pro- kaj per-esperanta laboro. Kiel profitigi la movadon kaj vin mem el ĉiu laboro?; 7. Esperanto bonega, sed uzota instrumento; 8. Nia internacia organizo: Neceseco de konstanta rilataro. Unu helpas la alian, interrompo signifas halton, reiron, k.a., k.a.

*Samideanoj, preparu ĉion tuj, por qe la definitiva programo povu esti starigata kiel eble plej baldaŭ. Malofte prezentiĝas okazo por tia grandstila kaj ne multekosta propagando. Agu tuj. Prokrasto malfaciligas la organizon de ĉiuj detaloj.*

Pliaj detaloj aperos en « Esperanto » kaj « Heroldo de Esperanto » laŭbezone estas sendataj rekte al la invitintoj.

Grupoj, kiuj jam invitis antaŭe, estos aŭtomate akceptataj en la preparotan programon kaj ankoraŭ ricevos informon pri preciza dato, k.t.p. rekte ĉe I.C.K.

## *Oni dankas*

*** S-ro Wlodzimierz Pfeiffer, Del. de UEA en Lódz, Polujo, esprimas dankon al Sinjoroj Delegitoj: Henk Goemans en Istanbul, Luis del Valle Guisado en Sevilla kaj H. T. Gomes de Freitas en Funchal (Madeira Insulo) por afabla kaj rapida plenumo de petitaj servoj.

*** S-ro Grenkamp, Parizo, dankas kore al la Centra Oficejo de UEA, Genevo, dank' al kies interveno oni pagis al li ŝuldon, kiun li, spite trijara persona urĝado, ne povis atingi. Tiu ekzemplo pruvas la neceson kaj la valoron de UEA.

*** S-ro Richard Pfuetze, membro 18407 en Sao Paulo, korege dankas la vicdelegiton de Los Angeles (Kalifornio) S-ron Dr. Charles Witt, por afabla akcepto kaj sukcesiga helpo je studoj, kaj la ĉefdelegiton de San Francisco, S-ron Snider Vinzent, pro lia sindona helpo dum restado en la urbo de la « Ora Pordego ». Ĉar mi ne parolas la anglan lingvon, mi treege ĝojis povi uzi la servon de la afablaj delegitoj de Kalifornio.

*** D-ro Wilhelm Solzbacher, en Köln, ĉefsekretario de Mondjunularo Katolika (MOKA) kaj redaktoro de « La Juna Batalanto », M de UEA N-ro 21311, dankas S-ron Hasenöhrl, D en Cernauti, kaj lian afablan edzinon, F-inon Eugenia Morariu, sekr. de UEA en Cluj, samideanojn Simon Csora, Karoly Vigh, Prof. Cornea en Cluj, S-ron Babos, D en Gherla, F-inon Gyulay, D en Alba Julia, fratojn Labunt en Alba Julia, S-ron Csapó, VD en Timisoara, S-ron Jocić, prez. de Studenta Esperantista Grupo, S-ron Klajić, D en Beograd, D-ron Maruzzi, ĈD en Zagreb, S-ron Ivan Czerkavskyj en Lwów, S-ron Knopf, D en Beuthen, kaj multajn aliajn gesamideanojn en Germanujo, Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Hungarujo, Polujo, Rumanujo kaj Jugoslavujo, kiuj lin subtenis, gvidis, gastigis, por li interpretis kaj aranĝis aferojn ĉe la pasportpolico k.t.p., kiuj preparis por li paroladojn kaj vizitojn al episkopoj, oficejoj, jurnaloj k.t.p. Dum lia lasta 2-monata vojaĝo li uzis 9 lingvojn, Esperanto estis la plej efika.

*** S-ro Anton Tippmann, D de UEA, kaj S-ino Margareto Wecker, VD en Saaz, Ĉeĥoslov., kore dankas al S-ro H. Moy Thomas, ĈD en Londono, por tre valora servo.






# Internacia Polica Ligo

### Oficiala Informilo

La Policprezidanto de Berlin, sinjoro Grzesinski, je la 24. de Decembro 1930 eldonis dekreton celante varbadon al partopreno de esperantlingvaj kursoj inter la policistaro sub gvido de Andreo Cseh. Ĉi tiu dekreto rezultigis la aranĝon de 3 kursoj por policistoj, kiuj komencis meze de Januaro 1931. La necesajn instruejojn disponigis la policprezidanto senkoste kaj la kurson pagis la prusa ministerio por enlandaj aferoj.



*Belgaj policistoj en Antwerpen.*

La germana unuiĝo por policscienca pliperfektigo (Vereinigung für polizeiwissenschaftliche Fortbildung) kiu nuntempe havas pli ol 20.000 membrojn, same favorigas la disvastigon de Esperanto inter siaj membroj. Ĉi tiu unuiĝo ofte publikigis en sia fakrevuo, ilustrita, notojn kaj bildojn, varbantajn al studado de nia lingvo. Lokaj grupoj de ĉi tiu unuiĝo, Berlin kaj Potsdam, jam aranĝis kursojn. Ankaŭ la du sekretariinoj, fraŭlinoj Tietz kaj Müller, de la ĉef-sekretariejo, Berlin Lützowstrasse 73, jam komencis lernadon de Esperanto, por afere rilati kun fremdlandaj samfakuloj kaj institucioj.

Pliaj policaj fakrevuoj, germanlandaj, lasttempe same favorigis la studadon de Esperanto inter la policistaro. Artikolojn aperigis la Revuoj: « Die Sächsische Polizei, Die Norddeutsche Polizei, Die Hamburgische Polizei, kaj « Polizei und Praxis. Unu el la bildoj, kiuj aperis en la Revuo: « Polica Praktiko » estas la supra.

Rimarkinde estas, ke la belgaj policistoj ne portas la insignon samforme kiel la germanaj, sur rubando ĉirkaŭ la maldekstra subbraka maniko, sed kiel videbla en formo de blazoneto maldekstraflanke sur la brusto.

Ĉi tiun insignon, la blazoneton kun la surskribo: « Esperanto » portas granda nombro de policistoj en Antwerpen, per kio pruviĝas, ke Esperanto inter la tiea policistaro estas bone konata. Ĉu el aliaj landoj ne estas fareblaj similaj raportoj?

A. POHLE, *Liga redaktoro.*

## Kiel ni festos la XXIIIan en Krakovo?

Denove post deknaŭ jaroj revenas tutmonda esperantistaro al malnova bela, pola urbo Kraków. Denove — ĉe la Vistulaj bordoj eksonos potence voĉo de komuna lingvo, kies nomo estas paco, internacia interkompreno — kaj superhoma amo.

Revenas migranta popolo de Esperanto-Patrujo al lulilo de ĝia lingvo — al lando super kiu unue ekbrilis radioj de brilanta, verda stelo.

Kaj Krakova popolo atendas.

Atendas ĉi tiujn, kiuj komprenas la signifon de tiu ĉi grava momento, kiuj de infaneco jam kreskis kun tiu ĉi sankta ideo en la koro — kaj ankaŭ tiuj kiuj nur de nelonge kun ĝi konatiĝis — kaj ĝin ekamis.

Atendas L.K.K. kaj ĉiujn tutkore invitas, ĉiujn volus vidi. — Venu amase, venu ĉiuj kiuj nur povas kaj volas, venu ĝoje kaj volonte kaj ni akceptos Vin kiel eble plej gasteme, plej kore, plej bone!

Kaj kiam dum kongresa semajno triumfe ekbrilos verda lumo super Vavelaj turoj, kiam ĝojplene eksonos de malnova katedralo Sigismond-sonorilego — manku de vi neniu en gastemaj niaj muroj, festu tiam ĉiuj!

Kraków atendas kaj invitas!

Rememoru ĉi tiun momenton, kiam antaŭ deknaŭ jaroj la unuan fojon ekvidis esperantista frataro nian urbon, kaj ekaŭdis gasteman, polan inviton: « per kio riĉa kabano — per tio ĉi ĝoja »! — rememoru — kaj despli volonte venu! Hodiaŭ ni vin tutkore invitas kaj promesas malbedaŭron al ĉiuj kiuj venos.



*Barbakano.*

Vi eble konas polan gastemecon — ĉi gastemecon, kiu kreigis konatan polan probervon:

« Gasto hejme — Dio hejme! »

Venu — kaj ni zorgos ke vi ne enuu, ke Vi havu ĉiam tempon okupitan ne lacige, ne senspire, sed kiel eble plej komforte kaj amuze. — Ni zorgos, ke vi ĉeestu ĉion, kaj ne laciĝu, ke vi laboru — kaj ripozu.

Kia estos programo? — Ni povas nur je la orelo flustri al vi kelkajn vortojn, ĉar preciza programo estas ne ankoraŭ fiksita — sed aŭskultu:

Post la solena malfermo de la kongreso kaj interkonatiĝa vespero en Malnova Teatro (Stary Teatr) — kie vi ĝuos kelkajn agrablajn momentojn, sekvos dimanĉo — sankta tago de ripozo. — En Maria-Preĝejo — antaŭ la altaro skulptita de Vit Stwosz en XVI. jarcento — okazos katolika diservo — kaj poste manifestacio tra la urbo. — Posttagmeze ekskurso aŭtobusa al Ojców — belega klimatejo — situita en montoj (20 km. de Kraków) kun misteraj grotoj kaj belaj arbaroj.

Post ekskurso kabareda vespero en teatro « Bagatela »... Lunde kunsidoj, fakkunsidoj, Somera Universitato, vizitado de urbo, de muzeoj, k.t.p., k.t.p. — kaj vespere... en korto de malnova, reĝa kastelo, ĉe lumo de diverskoloraj reflektoroj — festeno... Io tiel bela, impresplena kaj neforgesebla, ke ekkompreni ĉi tion povas nur tiu — kiu ĝin aŭdis gaj vidis... kaj vi vidos certe ankaŭ. — Marde laboro, kunsidoj, prelegoj, ekskurso al Lasek Wolski (arbareto) kaj malnova monaĥejo en Tyniec kaj Bielany (vaporŝipe) kaj vespere reveno kun iluminacio urbon. — Sed en teatro jam atendas vin nova distro: pola opero « Halka » de Monjuŝko...

Merkrede — de mateno kunsidoj kaj laboro. — Posttagmeze preparoj al vespera kostumbalo. — Koncerne la balon — ni petas ke ĉiuj partoprenontoj por propagando alprenu Krakovon, nacian kostumon, kaj kiel eble plej ofte portadu ĝin dum la kongreso. — Ĵaŭde — denove kunsidoj, prelegoj, ekskursoj, urbovizitadoj por ĉiu laŭvole — kaj vespere koncerto de pola muziko kaj polaj kantoj en Malnova Teatro. — Vendrede — ĉiutaga laboro, pli frua tagmanĝo kaj poste



*Wawel Katedralo*

interesa ekskurso al salminejoj en Wieliczka, kie en profundaj grotoj amike palpebrumos al vi salkristaloj en torĉa lumo, kaj maljuna ministo rakontados al vi miraklajn fabelojn.

Sabate — forveturado. — Ferma kunsido — kaj komenco de ekskursoj al Zakopane, al Tatry, al Warŝawa, Bialystok.

Tiom ni povas diri hodiaŭ — kaj detalan programon ni anoncos poste. — Do ankoraŭ foje ni invitas vin tutkore — kaj esperas ekvidi en Kraków plejmulton. *Loka Kongresa Komitato.*

# Internacia Postkongreso Esperantista

**INAŬGURO DE MONUMENTO.**
**Bialystok, Aŭgusto 1931.**

La Esperantistaron ĝojigos la informo, ke en Bialystok estas farataj energiaj preparoj por okazigi tie tuj post la 23-a Universala Kongreso imponan Postkongreson, ligitan kun malkovro de monumento al nia Majstro. La Internaciia Centra Komitato en Ĝenevo oficialigis tiun Postkongreson.

Honoran protekton akceptis la Vojevodo (provincestro) Marjan Zyndram-Kosciackowski.

La Organiza Komitato konsistas el S-roj: J. Sapiro (prezidanto), D-ro K. Wittek kaj D-ro S. Datner (vicprezidantoj), F. Kurjanski (ĝen. sekretario), J. Dubinski kaj J. Goldberg (sekretarioj), mag. E. Wilbuszewicz kaj W. Osowicki (kasistoj), E. Tynowicki (komitatano).

Al Internacia Honora Komitato estas invititaj la gvidantaj personoj en nacia aj internacia movado esperantista.

Loka Honora Komitato konsistas el: Vic-vojevodo Cz. Zawistowski, urbestro W. Hermanowski, vicurbestro D-ro M. Ziemilski, prezidanto de Urba Konsilantaro R. Mlynski, vicprezidantoj de Urba Konsilantaro D-ro A. Rajgrodzki kaj Z. Siemaszko, urba starosto J. Mieszkowski, distrikta starosto A. Kacmarczyk, lerneja inspektoro M. Jurecki, prezidanto de Hebrea Komunumo H. Kahn, redaktorino M. Lubkiewicz, redaktoro P. Kaplan, honora membro de Esp. Societo S-ino B. Mejlach, kunfondinto de Zamenhofa Societo en Bialystok F. Kempner, vic-prezidanto de Industria kaj Komerca Ĉambro inĝ. K. Riegert, prez. de Metia Ĉambro Fr. Grosser.

Honoraj gastoj de la postkongreso estas la familio Zamenhof.

Detala programo kaj pluaj informoj sekvos.

## Postkongreso en Budapest 1931

Hungarlanda Esperanto Societo kaj la Hungarlanda Katolika Esperanto Societo, aranĝos tritagan poŝtkongreson en Aŭgusto kaj unutagan ekskurson al la bela lago Balaton. Sciigu, ĉu vin interesas la afero? *Esperanto Postkongreso*, Dohány-utca 76, Budapest, VII.

## Naciaj Kongresoj 1931

| | |
|---|---|
| Angla: | 25-26 Aprilo: Birmingham. |
| Aŭstria: | (Loko kaj dato ankoraŭ ne fiksita). |
| Belga: | » » » |
| Ĉeĥoslov.: | » » » |
| Dana: | » » » |
| Franca: | 23-25 Majo: Dijon. |
| Germana: | 23-25 Majo: Hamburg. |
| Itala: | Septembro: Padova. |
| Nederlanda: | 15 Marto: Utrecht. |
| Svisa: | 10 Majo: Solothurn. |

**E. Ekspozicio en Milwaukee.**

Dum la monato Februaro mi kompensis laŭ mia propono nur la esp. grupojn kiuj sendis al mi la ekspoziciajon, sed ankaŭ unuopajn sendintojn, por ke ili ne plendu, kaj mi esperas ke ĉiuj estas kontentaj.

Ĉar la limigita tempo por alsendado finiĝis, mi konsideras la aferon Finita.

Sed, mi ne povis kompensi la Esp. societon kiu alsendis al mi la ajon pri la 22a kongreso en Oxford, kaj tiun, kiu alsendis la libron « Sinjoro Longkrurulo » ĉar la pakajoj estis tute disŝiritaj kaj sen la adresoj de sendintoj.

Koncernaj sendintoj bonvolu sciigi min viaj adresoj kaj vi estos ankaŭ kompensataj.

Rudolf Goldner, 100A-N. 32nd St. Milwaukee-Wis.

# Bialistoka vojevodo pri Esperanto

Zamenhofa Esperanto-Societo en la naskurbo de nia majstro en Bialystok organizas nun Internacian Postkongreson okazontan tuj post la XXIII-a Universala Kongreso en Aŭgusto 1931. Samtempe estas komencitaj preparaj laboroj por starigo de monumento al Zamenhof, solene malkovrota dum la postkongreso.

Honoran protekton de la Postkongreso kaj de la konstruo de monumento Zamenhofa transprenis Bialystoka vojevodo S-ro Marjan Zyndram-Koscialkowski. Pri Esperanto li sin esprimis jene al S-ro J. Sapiro, ano de l'Internacia Gazetara Komisiono.



*D-ro Marjan Zyndram-Koscialkowski.*

— La fakto, ke vi, sinjoro vojevodo, — komencis la intervjuanto — akceptis la honoran protekton de nia Postkongreso kaj de la konstruo de Zamenhofa monumento, estas por ni, Esperantistoj, nova pruvo de la simpatio, konstante montrata de la Pola Registaro kaj de ĝiaj reprezentantoj al la Esperanto-Movado. Ĉu vi, sinjoro vojevodo, estus afabla diri vian opinion pri tiu-ĉi movado ĝenerale, kaj en Polujo, la Zamenhofa patrujo, precipe?

— Tre volonte. Mi opinias, ke akcepto de Esperanto, estas la sola racia solvo de la urĝa afero de internacia helplingvo. Elekto de iu ajn lingvo nacia por la rolo de internacia donus al la koncerna popolo ne nur kulturan, sed grandparte ankaŭ politikan superregadon de la mondo, kio kompreneble estas neallasebla pro la rajto de ĉiu popolo al libera disvolviĝo kultura kaj al egalrajteco en la granda familio de popoloj. Esperanto, ne havanta politikan patrujon, ne servas al unu popolo, sed estas perfekta interkomprenigilo por ĉiuj popoloj de la tuta mondo, ebliganta reciprokan alproksimiĝon kaj ekkonon de la apartaj naciaj kulturoj.

Polujo rajte fieras pro sia rolo de historia patrolando de Esperanto. Nia granda civitano Zamenhof disfamigis sian naskurbon Bialystok kaj sian patrujon tra la tuta terglobo. Jam en la tempo de mallibereco de nia patrujo la plej bonaj verkoj de pola literaturo estis konatigitaj al ĉiuj grandaj kaj malgrandaj popoloj dank' al la tradukoj Esperantaj.

Plej multe imponis min informo, tralegita siatempe en gazetoj, ke « Marta » de Orzesko estis eĉ de la Zamenhofa Esperanta traduko pluen tradukita japanlingven.

— Kiel vi, sinjoro vojevodo, pritaksas la signifon de Esperanto por la aktuala nun en Polujo demando de turisma propagando?

— Sendube uzado de Esperanta lingvo por la celoj de turisma propagando estas tre racia. Turismaj presajoj en tiu lingvo plenumas sian varbrolon ĉie, ĉar ili ja ne konas lingvajn limojn, dividantajn per ĥina muro ne nur la apartajn landojn sed eĉ iliajn partojn. Mi atente trarigardis la esperantlingvajn turismajn presajojn, kiujn vi, sinjoro redaktoro, prezentis al mi kaj mi estas mirigita pro la sufiĉe ampleksa apliko de Esperanto eksterlande por turisma propagando.

La agado de Universala Esperanto-Asocio, celanta i.a. ke ĉiuj landoj, provincoj kaj lokoj vizitindaj aperigu esperantlingve siajn priskribojn, meritas laŭ mia opinio plej grandan laŭdaprobon.

Polaj Esperantistoj interkonsente kun niaj landkonemaj kaj turismaj organizajoj devas siaflanke per helpo de Esperanto konigi al eksterlando niajn belegajn pejzaĝojn kaj rimarkindajn historiajn antikvajojn de Polujo, ĝis nun bedaŭrinde tre malmulte konatajn eksterlande.

La eksterlandaj gastoj, venontaj en Aŭgusto de sekvonta jaro al la Universala Kongreso en Krakovo kaj al la Postkongreso kun malkovro de Zamenhofa Monumento en Bialystok, povas esti certaj, ke Polujo akceptos ilin kun konata gastameco kaj ke pri ilia restado ili konservos agrablajn rememorojn.

Fine mi havas la plezuron konstati, ke mi konas persone la Prezidanton de Pola Esperanta Delegitaro Prof. O. Bujvid, kiun mi lernis ŝati kaj estimi, kiel tre meritan civitanon de nia lando.




## Laborkunsidoj

Por doni bazon al seriozaj laborkunsidoj en la Universala Kongreso en Krakovo, I.C.K. petas sendi utilajn sugestojn pri gravaj temoj diskutotaj. Estas antaŭvidita temo pri gazetaro, radio k.a. I.C.K. petas proponojn de samideanoj pretaj fari paroladon 15 minutan pri aktuala temo de nia propaganda kaj praktika laboro, taŭgaj por kaŭzi fruktodonan diskuton. La programo ne konsideros bagatelojn kaj flankajn aferojn. Oni skribu kiel eble plej baldaŭ al « Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado », 1, Tour de l'Ile, Genève.

## En kelkaj linioj



* * * La Centra Esperanto-Librejo en Hago, akcia societo disdonis dividendon de 7 % por la administra jaro 1930. S-ro J. Ravestein jr., estis reelektita kiel komisaro.

* * * En Tatar Pazarĝik, Bulgario, (S-ro Ivan Drenikov) fondiĝis Scienca Biblioteko Bulgara kun la celo eldoni en Esperanto valorajn librojn el bulgara vivo scienca. Aperis jam libro, traduko de verko de Prof. Balamezov « La krizo en la nuntempa parlamentarismo ».

* * * La Nederlandaj Anoj de la Asocio estos kunvokataj al Generala Kunveno, Sabaton la 6-an de Junio. Parolonto estas S-ro P. J. Vermaas, Honoro Membro de la Asocio.

* * * Fondiĝis en Amsterdam (Singel 91-93) Gazetara Oficejo Internacia Porpaca kun la celo liveri al porpacaj organizajoj informmaterialon. La prospekto kiun dissendis tiu ĉi oficejo estis en kvar lingvoj kun Esperanto.

## AVERTO

La Delegito, la membroj de UEA kaj la Esperanto-Societo en Bern rifuzas ĉian respondecon pri la agoj kaj ŝuldoj de S-ro Jules Perlet, ŝtata oficisto, eks-membro de UEA, Chutzenstr. 17, Bern, aŭ poŝtkesto 560.

# Opinioj pri la moderna vivo

### Sano kaj beleco

Fiziologiaj mizeroj kaj malriĉeco de fizika kaj intelekta produkto-kvanto, jen estis la konkludoj de nia lasta artikolo. Mallonga ekzameno de la moderna homo, tiel kiel li estas aŭ tiel kiel li fariĝos, nin tuj konvinkos.

**La moderna homo estas malbela.**

Li kunpromenas ŝvelitan ventron, grasdiketan haŭton aŭ magran korpon, mallarĝan bruston, kurbitan dorson kaj antaŭ tempe maljuniĝintan haŭton.

Li perdis eĉ memoron je bela korpo, harmonie muskolforta por la luktado de l' ekzisto. Tamen nia sporta epoko postulas atletan plastikon.

Sed ĉu vi kredas ke la malbeleco de tiu homaĉo vekas kompaton de la belaspektaj kaj bonfartaj homoj? Tute ne. Ŝvelita ventro kaj kurbita dorso nur altiras ridetojn. Certe, tiuj difektoj tute ne malebligas perfektan moralecon aŭ altan inteligentecon, sed kiom pli belaj aspektas tiuj kvalitoj se apogitaj je sana kaj bela korpo!

**La moderna homo ne estas sana.**

Siaj uzitaj laciĝintaj organoj ne plu rezistas je la detrua agado de la mikroboj. Al malbeleco aldoniĝas malsano por difektigi la individuon.

La nuna ekzistado tamen postulas laboron ĉiam pli kaj pli gravan, rezist-kapablon kion la moderna homo tute ne plu posedas.

La studado de la faktoroj kiuj submetigas nian korpon tiamaniere kaj la elmontron de metodo certe interesonte vin per ĝiaj rezultatoj troviĝas en la broŝuro eldonita per « *Fondation Naturiste*, 9 rue des Moulins, Alger » kiu sendas ĝin laŭ demando, sen garantio. Postulu ĝin, legu ĝin. Ĝi certe utilos kaj profitos al vi.

# INTERNIARO

**(Internacia Frataro)**

Direktoro: *Livingstone Jenkins*

Centra Oficejo: 64 St. Thomas' Road, Finsbury Park, London, N.4.
Sekretario: F. Curto Basté, Oliva, 28 (Sagrera) Barcelona.

REGULOJ

(1) La nomo de la asocio estas la « Interniaro ».

(2) La celo de la « Interniaro » estas (1), diskonigi la instruojn de Jesuo Kristo per la disdonado de la Sanktaj Skriboj (S. Biblioj, Novaj Testamentoj, Evangelioj kaj Biblio-Partoj, estas dissendataj). (2) la kunigo de tiuj kiuj estimas kaj kredas je la instruoj de Jesuo, kaj la formigo de « internacia kristana frataro » kaj la eventuala fondigo de « komunuma kristana kolonio ».

(3) La oficiala lingvo de la « Interniaro » estos Esperanto.

(4) Membreco: — Ĉiu kiu simpatias kun la celo de la « Interniaro » kaj pagas la jarkotizon, estas akceptata kiel « membro » kaj rajtas, (1) ricevi la oficialan gazeton kaj senpagan literaturon por disdonado, (2) ĉeesti kaj partopreni je la ĝeneralaj kunvenoj de la « Interniaro ». (3) proponi kaj baloti por kandidatoj al la « Estraro ».

(5) Estraro: — Nur tiuj kiuj jam pruvis sian fidelecon al la celo de la « Interniaro » estos elekteblaj por la Estraro. La estraro rajtas kontroli ĉiujn aferojn de la « Interniaro » kaj fari aŭ aliigi la regulojn.

(6) Grupoj: — Membroj kiuj kuniĝas por formi grupon povos ricevi oficialan rekonon kaj helpon de la Estraro, reciproke la grupoj sendos kotizojn (kolektivajn) kaj raportojn *laŭeble*.

(7) Kotizo: — La kotizo por membroj estas (minimume por la jaro) du britaj ŝilingoj (svis. fr. 2.50 aŭ egalvaloro), por grupoj kvin britaj ŝilingoj aŭ svis. fr. 6.00.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Vaghinak Sarkissian, iama Delegito de UEA por komerco en persa urbo Sultanabad, perdo neriparebla por la movado en tiu ĉi lando. Konatiĝis kun Esperanto en 1911 en Tabriz, verkis sub pseŭdonimo « Vasaro » la persan legendon « Sorude Eŝgh »



(Amkanto). Translokiĝis al Teheran kie li kunlaboris kun alia persa pioniro, S-ro Bahmen Shidani, verkinto de la unua lernolibro persa. Veninte al Sultanabad li propagandis tie kaj starigis kursojn. Okaze de vojaĝo al Kaŝan li malsaniĝis kaj reveninte hejmen li post nelonge mortis. La enterigon partoprenis la loka grupo metinte florkronon ornamitan per la Verda Stelo. Delegito de UEA Bahmen Shidani adiaŭis la mortinton, memorigante la laboron plenumitan de li. Estis bonkora justa, ĝentila, ĉarma homama kaj mirinda tipo de Esperantisto. (R. T., D. de UEA.)

S-ro Angel Pintado, MA 32971 kaj eks-delegito en Santander, 6. 1. 1931.

S-ro Vladimir Szmurlo, post longa malsano, kviete forpasis 28. 2. 31. Esperantisto depost 1888, pioniro de la unuaj jaroj, estinta volapükano, Dumviva ano de UEA n-ro 149, frato de la konata bizantisto en Roma. Li estis inĝeniero de vojoj, kaj unue loĝis en Ĉelabinsk (Siberio), el kiu lia korespondado kaj nobla monoferado iris tra la tiama Esperantujo. Al li ni ŝuldas la eldonon de unua « Jarlibro », kiun redaktis Borovko, presitan en Upsala en 1897. Poste li eklogas en Riga, kie li restis konstante, escepte la jarojn de la milita okupado, dum kiu ni havis la feliĉon lin vidi en Petrogrado. En Riga li multe faris por eldonado de sia gazeto « Riga Stelo », serio da libretoj tradukajoj, kaj originalaj interalie « Morto de Iljiĉ » de Tolstoj, « Kial Ido ne povas fariĝi Lingvo Internacia » de Christaller, k.a. La milito interrompis lian grandan Enciklopedion de nia movado (« A.N.A. Agendo »), detalan vortaron de aŭtoroj, verk-titoloj, en komuna alfabeta ordo. Tamen, li sukcesis fini kaj presigi tre valoran « Suplementan Rus-Esperantan Vortaron », kiu enhavas 240 paĝojn. Li estis spirito senĉese serĉanta novajn vojojn, tre sendependa laŭ la karaktero, nobelo, kaj noblulo en vera senco de la vorto. Li estis unu el fondintoj de la societo « Kosmoglot », kiu kondukis al loka grupeto en Reval (Occidental). Liaj rilatoj kun ĉiuj reformistoj estis viglaj, sed li restis fidela al nia lingvo ĝis la morto. Lia memoro ĉiam vivos en koroj de tiuj, kiuj lin konis.
P. St.

S-ro Emilian Fotul, lernejestro kaj Delegito en Volovoje, Subkarp. Rus. Ĉeĥoslovakio.

S-ro Alois Fink, arbaristo kaj delegito de UEA en Novy Bydzov, Ĉeĥoslov.

S-ino Olga Ledeen, edzino de eksdelegito S-ro Hyman Ledeen, en Milwaukee.

S-ino Runkel, edzino de S-ro A. C. Runkel, M.S. de UEA kaj prezidanto de loka Esp. Klubo, en Milwaukee.

F-ino Klein, fratino de S-ro Herman Klein, M. de UEA. Ŝi estis la animo en loka Esp. Klubo en Milwaukee dum ĉiuj aranĝoj.

S-ino Rosa Terrile, vidv. Arabeno, 81 jara, patrino de nia D en Genova, S-ro Michele Arabeno.

S-ino Millot, fratino de nia fervora Delegito, S-ro Houzé en Dunkerque, Francujo, 19. 2. 1931.

*Sinceran kunsenton !*



# Esperantista vivo

### Naskiĝoj.

*** Al Ge-sroj Jaroslav kaj Anezka Ŝustrovi, delegito en Praha, filo nomita Jaroslav, kiu tuj aliĝis kiel M. de UEA.

*** Al Ge-sroj Enz, D en Rapperswil (St. Gallen) filineto Isolde, 23. 2. 31.

### Edziĝoj.

*** S-ro Vasile I. Marinescu, doganestro, kun F-ino Anastasia A. Constandatos en Giurgiu, Rumanujo.

*** S-ro Guy Borel kun F-ino Denise Roudon, Paris.

*** S-ro Rafael Fiol Paredes, kuracisto, M A 10491 en Jerez de la Frontera, Hisp., kun F-ino Maria Mateos, Marto 1931.

### Honorigo.

*** S-ro D-ro Fadenhecht, profesoro al la Universitato en Sofia, ano de UEA, estis honorigita de l' prezidanto de la Pola Respubliko per la Komandora Kruco de l'ordeno « Polonia Restituta ».

*** S-ro Rafael Fiol Paredes, MA 10491 en Jerez de la Frontera, Hispan., estis nomita Militkuracisto-Majoro.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Alajuela* (Kostariko). — S-ro Hector Fernández Vargas, PI., L. k.ĉ.l. Ĉiam resp.
*Banfield* (Argentino, B.A.). — S-ro José Catalá salutas sincere siajn ge-amikojn kaj plezure reakceptas interŝanĝi PI., PM.
*Beglej* (Bulgar. Plevensko). — S-ro Stojan Vasilev, Delegito de UEA, PI k.ĉ.l. naciajn Esp. gazetojn kun paralelaj tradukoj.
*Boulogne-sur-Mer* (Francujo). — S-ro G. Baire, inĝ., Ciments Français, kolektas gvidlibrojn, gvidfoliojn ĉiulingvajn el ĉiuj urboj. Interŝanĝas. Proponu antaŭ ol sendi.
*Burton-on-Trent* (Anglujo). — S-ro E.J. Platts, 92 Moor Street, 17 jara studento, L., PI., kun samaĝaj junulinoj pri div. temoj.
*Eeckeren* (Belg.). — S-ro Georges Heijnen, 102 Klosterstr., PI., L., sportnovajoj.
*Den Haag* (Nederlando). — S-ro Frits Belinfante, Banstraat 22, studento, PI., L., k.ĉ.l.
*Södertälje* (Svedujo). — S-ro Arthur Turmont, Postfack 144, L., PI., k.ĉ.l. Certe resp.
*Braŝov* (Rumanio). — F-ino Grenjo Vince, Str. Spitala 44, L. kaj Pk., k ĉ.l.
*Breclav* (Ĉehoslov.). —S-ro Václav Ryŝka, Kuffner, cukrovar, PI., L., ĉiam respondas, se la adreso estas legeble skribita.
*Breclav* (Ĉehoslov.). — S-ro Adolf Stratil, delegito de UEA, Brnenská 1949, monerojn, PM., PI., ĉiam respondas.
*Breclav* (Ĉehoslov.). — S-ro Jaroslav Strnad, Kuffner, tr. 31, L., PI., k.ĉ.l.
*Budapest IX.* — S-ro Lászlo Petry Gyáli u. 20. PM. k.ĉl.
*Carcassonne* (Francujo, Aude). — S-ro V. Cirkl, Poste Restante, L., PI., prefere kun anglaj samideanoj. Certe respondos.
*Ĉejkovice u Hodonína* (Ĉehoslov.). — S-ro František Kuchrik, L., PI., monerojn k.ĉ.l. per registr. send. Respondo garantiata.
*Ĉernauti* (Rumanujo). — S-ro Friedrich Hauben, Stefan cel Mare 5-11, L., PI. kun ge-fraŭloj ĉiulandaj.
*Deventer* (Nederlando). — S-ro C. Helmse. Polstraat 43, PI., PM.
*Etriché* (Francujo, Maine et Loire). — S-ro P. Pichon, instruisto, natursciencisto, L., PK. pri ĉiaj temoj precipe botaniko k.ĉ.l.
*Hasselt* (Belgujo). — S-ro P. van Genechten, D de UEA, place Léopold II, PI., L., k.ĉ.l. Respondo garantiata.
*Kovalovice u Tistina* (Ĉehoslov.). — S-ro Josef Blum, staciestro, PM., PI., k.ĉ.l.
*Montelupo-Fiorentino* (Italio). — S-ro Bruno Lozzi, nur PM. k.ĉ.l.
*Odolená Voda u Prahy* (Ĉehoslovakio). — S-ro František Vesely k.ĉ.l. kun fakistoj-botanistoj.
*Palanga* (Litovujo). — S-ro O. Berting, PM. po 50-10 ekz.
*Pécs* (Hungarujo). — F-ino Elisabeto Bertalan, oficistino, Scitovsky tér, 15-I, PK., PI. k.ĉ.l. precipe Afriko kaj Ĉinujo.
*Plock* (Polujo). — S-ro S. Güterman, Ul. Szeroka 47, L., PK., PI., pri diversaj temoj. Certe respondas.
*Plovdiv* (Bulgarujo). — S-ro Ivan Vl. Popov, vegetarianska gostilnica « Rodstvenost », instruisto en la Domo por malaĝaj krimuloj, L., PK., precipe kun gekolegoj el samaj institutoj.
*Praha* (Ĉehoslovakio). — S-ro František Kouba, poŝta sekretario, Riegrova 35, PI., PM. kun seriozaj eŭropaj filatelistoj. Ne sendas unue.
*Rethel* (Francujo, Ardennes). — S-ro Pierre Verreaux, kalkulisto, PI. k.ĉ.l. Certe resp.
*Rethel* (Francujo, Ardennes). — S-ro Marcel Mongeois, usine de gaz, PI., k.ĉ.l. Certe resp.
*Sétubal* (Portugal). — S-ro Alberto Henrique de Souza, Cargo Dr. Francisco Soveral 4-3°, L., PI., k.ĉ.l.
*Stalingrad* (U.S.S.R.). — D-ro S. Hercik, Leninskaja 23, deziras korespondi kaj interŝanĝi Esperantajojn kaj literaturajojn en ĉiuj eŭropaj lingvoj, rekompencas ankaŭ per USSR-poŝtmarkoj.
*Tervola Suomi* (Finnlando). — Agronomo Reino Papari, L., PK. pri terkulturo.
*Zaragoza* (Hispan.). — Esp. Societo « Frateco » Str. Roda 14 y 16 PI., L. k.ĉ.l. Nepre resp.
*Zaragoza* (Hispanujo). — S-ro Ferd. Martinez, Str. S. Pablo 15, PI., PM. Ne sendas unue. Certe resp.

ESPERANTISTAJ LIBERTEMPEJOJ

*Listo kaj regularo en proksima numero.*

## Petoj kaj Proponoj

*Adresaro.* — La senpacience jam atendata 9-a eldono de *BES-Adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj* por la jaro 1931-a, kun 1256 adresoj kaj portretoj de E-istoj, jus aperis. — Vi ne bedaŭros, se vi sendos al la eldonanto — « *BES, Potŝtejn, Ĉhsl.* » — la prezon 1 Fsv (4 resp.-kup.) aŭ egalvaloron, por ricevi tiun ĉi 100-paĝan interesegan broŝuron!

*Ĉefurbanoj* sendu belan poŝtkarton bfi. pri parlamentpalaco, vi ricevos du « Hungara Heroldo » kaj belegan prospekton pri Budapest. Kökény, Budapest, 57. Parlamento.

*Ĉu estas la kapitalo?* — Bonvolu vin turni al S-ro Walther Petzold, 1 Hindenburgstr. Schleiz, Germanujo, Thüringen.

*Du naturamikoj* esperantistoj ĉehoslovakaj deziras en Aŭgusto viziti Montblanc. Konsilojn, partoprenantoj de kiu ajn flanko serĉataj. — Poste du tagojn ni uzos por viziti la ekspozicion parizan — kiu samideano tiam renkontus nin por konsili? Elspezoj pagotaj. Václav Suchy, fotoamatoro, Švihovská 5, Plzen.

*Familia pensiono.* — S-ino L. Decourt (vidvino de esperantisto), 41, rue de Paris, Vanves-Paris; ĝardeno, plena komforto, nekaraj prezoj.

*Infanamikoj atentu.* — S-ro Jac. Hillesum, Reitzstraat 17, Amsterdam deziras korespondi pri ekzisto kaj stariĝo, sinokupo de urbestraroj pri infanoj. Detalaj informoj kaj publikigitajoj pri supre citita temo estas dezirataj, ankaŭ fotografajoj pri ludejoj kaj ludgardenoj.

*Malnovajn numerojn* de *La Revuo:* I: 1-6, 8, 9, 12, titolpaĝo kaj tabelo en enhavo. II: 3, 4. VI: 2-4, 6, 7, 9-11. VII: 2, 5, 6, 8, 9, 11, deziras ricevi aĉete aŭ interŝanĝe (libroj, gazetoj, PM.). D-ro W. Lippmann, Leibnizstrasse 13, Leipzig, Germanujo.

*Svisa ĉokolado* estas tre bona, sed ĝi ne donas tian spiritan plezuron al nia palato kiel « 5.000.000 » de Grenkamp.

*Vitropentrado.* — Al ĉiuj, kiuj interesiĝas pri pentrado mi rekomendas skriban kurson « Pentrado sur vitro », enhavanta tri paĝojn en Esperanto. La kurso kun pentrita glaso kiel specimeno kostas Kĉ 50.— por antaŭsendita mono. M. Görtlerová Praha-Nusle 207, Ĉehoslovakujo.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT: A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE